AŬSTRIA

# ESPERANTO-REVUO

*Oficiala organo de la aŭstria Esperanto-movado*
*Offizielles Organ der österreichischen Esperanto-Bewegung*
*Aperas monate*
*Redakcio kaj administracio: Vieno I., Neutorgasse 9, Aŭstrio. — Telefono U 20-3-51*

*NRO 2-3*
*1-a JARO*
*SEPTEMBRO-OKTOBRO 1946*

## EL LA ENHAVO:



## LASTA INFORMO:

La ŝtata ekzamenkomisiono por Esperanto en Aŭstrio restarigita. Detaloj sekvos en n-ro 4.

# Austria Esperanto-Revuo

Abonprezoj:

**Jarabono aŭstr. ŝil. 5.—, 1 ekz. aŭstr. ŝil. —.50,**
**por eksterlandoj jarabono svis. fr. 5.—, 1 ekz. svis. fr. —.50,**
**por la membroj de Aŭstria Esperantista Federacio senpage. Ĉiuj prezoj inkluzive sendkostoj.**
**Represo nur kun fontocito.**

## Korespondado

Wer mit ausländischen Esperantisten korrespondieren will, suche sich eine Adresse in der Korrespondenzliste oder sende seine Adresse und kurzen Korrespondenzwunsch an die Redaktion der A.E.R. Wir werden sie nach Maßgabe des Raumes veröffentlichen. Deutliche Schrift!

Unua korespondanonceto dulinia por AEF-anoj senpage. Plua anonceto kaj por aliaj personoj kostas ŝil. 2.— aŭ 1 svis. fr. Ni petas, la adresojn legeble skribi!

Mallongigoj: L = letero; PK = poŝtkarto; PM = poŝtmarko.
Ĉiuj adresoj rilatas al aŭstraj geesp-istoj.

**Nederlando.** S-ro Joĉjo Verstrael, Vermeerstr. 156, Hago, 24 j. L kun aŭstra katolika esp-istino.
S-ro M. J. v. d. Ridder, Roggeveenstr. 72, Hago, tajloro, L kun aŭstra esp-ist(in)o.
S-ro Joh. H. Marse, Vaartstr. 1, Leiden, deziras ŝanĝi PM kun kelkaj aŭstraj esp-istoj.
S-ro L. Bijkerk, Strijenschestr. 38, Schiedam, labor. L kun laborist(in)o.
S-ro G. G. van Veldhuizen, Cremerstr. 166, Utrecht, lokomotivmaŝinisto, L kun fervojisto prefere.
S-ro C. Naas, Groenlandstr. 12, Zaandam, dudektri j. komunuma oficisto, L kun esp-ist(in)o.
S-ro Henk. van Meenen, Aschvestr. 4, Delft, 37 j., domkolorigisto, L pri div. temoj.
S-ro W. Roos, S. Beuningenstr. 142/III, Amsterdam (W), L pri div. temoj kun k-d(in)o.
S-ro G. de Leeuw, Bilderdykkade 86/III, Amsterdam (W), 36 j. meblisto, L pri ĉ. temoj kun k-d(in)o.
S-ro W. W. P. Oiing, Rijnhaven Z Z 20 a, Rotterdam (Z), 60 j. pentristo, L pri ĉ. temoj, ne pri politiko.
S-ino E. de Vletter, Ossenweivstr. 12 a, Rotterdam, 62 j. esp-istino, L kun samaĝa k-dino.

Fortsetzung letzte Umschlagseite

AŬSTRIA
ESPERANTO-REVUO

# Unueca Esperanto-movado en Austrio

Ĝis 1938 ekzistis en Aŭstrio du Esperantoorganizoj konkurantaj unu la alian ne nur en pozitiva senco, sed ankaŭ kelkfoje pro rivalaj kaŭzoj. Por neŭtraligi tiun staton kaj por krei la bazon de komuna agado, la Aŭstria Esperanto-Asocio (AEA) kaj la Aŭstria Esperantista Federacio (AEF) fondis la Reprezentan Komitaton (RK), kiu jam dum la mallonga tempo de sia ekzistado fruktis tre bone. Sed la tuta laboro de la Reprezenta Komitato nuliĝis 1938 per la malpermeso de la Esperanto-movado post la anekso de Aŭstrio flanke de Germanio. Kiam la estraranoj de AEF tuj post la liberiĝo de Vieno komencis efektivigi la planojn preparitajn jam jarojn antaŭe en kaŝa laboro, la AEF-anoj ne restis solaj, sed ankaŭ la aktivuloj de la iama AEA kaj de aliaj Esperanto-organizoj sin senkondiĉe envicigis kaj per tio multe pligrandigis la potencon de la refunkciigata Federacio. Pro la spertoj el la estinteco ili venis al plena konkordo, kies rezulto estis la deklaro, ne plu disigi la fortojn per restarigo de diversaj konkuremaj asocioj, sed ligi ĉiujn fortojn en unueca movado. En komuna laboro do fariĝis eble, instali la Esperanto-Centron kun konvenaj ejoj, reorganizi la Aŭstrian Esperanto-Instituton kaj la Esperanto-Servon. La ekzisto de unueca Esperanto-movado ankaŭ kaŭzis rapidan evoluon de nia movado en ĉiuj regionoj de Aŭstrio.

Laŭ oficiala deklaro, la Federacio ne estas „neŭtrala“ sed „superpartia“, ĉar severa neŭtraleco nepre gvidus al izoleco kaj nian movadon degradus al nura sekto. Kontraŭe evidentiĝas, ke Esperanto de siaj adeptoj devas esti uzata en ĉiuj fakoj de la publika vivo, kaj estas tasko de la organizo, subteni ĉiujn paŝojn pri uzado de Esperanto, ĉu en kulturaj, ĉu en komercaj, ĉu en politikaj rondoj. Kompreneble la Federacio devas plenumi tiun taskon vere neŭtrale, do favorigante nek tiun, nek jenan direkton. Kaj kiel valoras, instigi ĉiun anon de la movado, plej aktive labori por Esperanto en sia medio, tiel necesas paralizi ĉiun atakon de la esperantistoj inter si, por ne malhelpi la komunan celon, venkigi la esperantismon.

La aŭstriaj esperantistoj do sin asociis en unu ree jam tre granda organizo, por en komuna laboro atingi sian celon, kaj ili per ĉiuj fortoj kontraŭstaros ĉiun eventualan provon, distrui la unuecan mova-

don pro iuj seperatismaj tendencoj. Tiu volo solene estis konstatita kaj aklamita dum la jarkunveno de AEF en marto ĉi-jara kaj firme enradikiĝis en la koroj de ĉiuj partoprenantoj kolektiviĝintaj sub la verda standardo.

L. Grimme.

# Niaj Amikoj

Ĉiu inter ni scias laŭ siaj propraj spertoj, ke la vivo de sindona esperantisto konsistas el vico de senĉesaj laboroj kaj oferoj. Profesiaj klopodoj kaj plezuroj de normala homo estas supermezure limigitaj kaj la familia vivo ne malofte suferas krizojn pro tio, ĉar la respektiva familiano esperantista neglektas ĝin, ne dediĉante al ĝi la konvenan intereson. Kaj ankaŭ la konsumo de energio kaj elspezo de mono, postulataj de nia esperantisteco, ne restas inter malvastaj limoj.

Ĉion-ĉi la aktivistoj transprenas sur siajn ŝultrojn kiel idealistoj fervoraj. Ili estas tiuj fidelaj servantoj de alta ideo, kiujn la movado bezonas.

La rezultoj de ilia penado estas konsiderindaj. La movado kreskas, Esperanto pli kaj pli iĝas konata kaj oficialaj instancoj ekinteresas sin pri ĝi.

Sed iel la afero stagnetas, ne evoluas tute kontentige.

Kial? ni demandas nin, la esperantistoj ja efektive entreprenas ĉion fareblan!

La stato de la afero — ni profunde trastudis ĝin — sendube estas jena:

**Ni bezonas pli vastan bazon m o r a l e kaj f i n a n c e!**

Por demeti la iom sektan karakteron de nia movado ni devas ĝin starigi sur pli larĝan fundamenton, sur v e r e a m a s a n b a z o n.

Ideologia afero ne povas prosperi, se ĝi estas portata de la fervoraj, sed ne sufiĉe multnombraj kaj influhavaj personoj.

Evidente ni pioniroj de la Esperantismo, kiuj lernis kaj regas la lingvon, devas formi la fortikan kadron de amasa organizo de anoj de la Zamenhofaj ideoj. Kaj, ni konstatu, anoj de la Zamenhofaj ideoj ne nur estas la esperantistoj, Esperanton parolantaj!

**Preskaŭ ĉiu moderna, progresema homo aprobas Esperanton!**

Ni esperantistoj parolantaj estas relative malmultaj — sed niaj simpatiantoj estas m u l t a j. Do: **Tiujn simpatiantojn necesas organizi.** Jen evidente la solvo de la problemo.

Multaj homoj esprimis jam al ni sian aprobon kaj sufiĉo el ili eĉ okupis sin pri la studado de la lingvo, sed, pro iuj kaŭzoj ne povante partopreni la movadon, ili perdiĝis por ni; ni kvazaŭ flegis la arbon,

sed la frukton ni ne rikoltis. Krom tio multaj personoj, favoraj al Esperanto, ne havas la tempon por lerni ĝin kaj aliaj eble ne taksas sin sufiĉe lertaj por veni al sukceso; ili tamen estas tute por nia afero, konsciante, ke neŭtrala, moderna lingvo, adaptita al niaj kulturaj bezonoj, certe estas taŭga por helpi al la homaro. Ni malŝparus tempon, se ni volus varbi ilin por la lernado kaj per tio por nia Esperanto-organizo.

Jen devas veni organizo akcesora, kvazaŭ helpa por niaj esperantistaj federacioj, jen devas veni

**LA SOCIETO de la AMIKOJ de ESPERANTO!**

Per ĝi ni sukcesos, ricevante amasan subtenon morale; per ĝi ni prosperos, ricevante amasan helpon finance.

La varbitoj per sia membriĝo manifestas sian opinion pri la neceso de la deviga enkonduko de Esperanto en la lernejon kaj pri la neceso de oficiala agnosko per la ŝtataj instancoj.

La kotizoj kaj donacoj, kolektataj per la Societo de la Amikoj de Esperanto, ebligas plilarĝigon de nia aktivado en ĉiu rilato. Propaganda kaj administra laborado nur per tiu grava financa helpo povas efike realiĝi. Kaj la sindona esperantisto, oferanta kiel antaŭe tempon kai energion, nun ne plu devas porti en la kutima amplesko ankaŭ la ŝarĝon de la oferoj monaj.

En Aŭstrio, kiel estis jam anoncite en la organoj de la aŭstria Esperanto-movado, jam estas fondita Societo de la Amikoj de Esperanto. Ni estas certaj, ke la grava rolo de la Societo ĉie estas komprenata en la skizita senco kaj ke la estonteco en tiu maniero pravigos ĝian fondon.

Aŭstria Esperantista Federacio baldaŭ povos anonci staton de du mil membroj. Por niaj aŭstriaj cirkonstancoj, tiom mallonge post la fino de la milito, tiu ĉi membrostato estas certe konsiderinda. Nia Federacio estas unu el la plej grandaj asocioj en tuta Aŭstrio. Ni imagu, kiom pli impone efikas al la publikaj aŭtoritatoj, se ni povas adicii al la nombro de la esperantistoj, organizitaj en nia Federacio, la nun jam du-ĝis trimilan membraron de la Societo de la Esperanto-Amikoj! Kaj imagu, en kiu grado vastiĝos nia bazo kaj prosperiĝas niaj aŭspicioj, kiam la esperantista movado ĝuos la subtenon de amaso da multmilaj subtenantoj-simpatiantoj!

Ni do metu de nun, en skalo nacia kaj internacia, nian agadon sur la larĝan bazon de du frataj organizoj, helpantaj unu la alian, kiel du bonaj fratoj ĉiam faras, — por la bono de la granda familio esperantista kaj per tio — en la senco de nia Majstro — por la bono de la homaro. Hugo Kraus.

# Pri la propagando

Alproksimiĝis la aŭtuno kaj kiel kutime en ĉiu jaro la Esperanto-societoj kaj -grupoj ĉie ekipas sin al nova propagando. Ni ja ĉiam aŭdas en esperantistaj rondoj kaj legas en Esperantaj gazetoj, ke konstanta kaj efika propagando por Esperanto estas la plej grava agado de ĉiuj Esperanto-organizoj.

Certe, kiom longe Esperanto ankoraŭ ne oficiale estas agnoskita en la mondo kiel lingvo internacia, tiom longe ni devas varbi por ĝi kaj propagandi ĝian praktikecon kaj utilecon. Sed, kiel ĉio en la vivo, ankaŭ celkonscia propagando por Esperanto havas siajn limojn. Kaj transpaŝante tiujn limojn, ni povas eventuale pli domaĝi al la afero ol utili ĝin.

Ekzemple: iuj grupoj, havantaj entuziasmajn aktivulojn, svingas la varbtamburon por Esperanto kaj sekve de ilia lerta aranĝo multaj personoj anoncas sin por la vizito de Esperanto-kurso. Kaj nun montriĝas, ke oni ne disponas pri taŭgaj Esperanto-instruistoj aŭ kursgvidantoj kaj kursejoj. Ĉion oni detale antaŭe pripensis, sed la plej gravan kondiĉon, la zorgon pri havigo de spertaj lingvoinstruistoj oni ne sufiĉe konsideris. Nun ekestiĝas la dilemo: homoj, allogitaj pro lerta propagando, intencas lerni Esperanton, anoncas sin por kursoj kaj oni ne povas akcepti ilin aŭ parton de ili, ĉar por unu kurso oni ja havas kursgvidanton, sed por dua aŭ tria kurso bedaŭrinde mankas instruisto. Kaj nun ekaperas la malo de granda, antaŭe ne bone pripensita propagando: la lernemuloj al Esperanto estas seniluziigitaj, ili taksas poste Esperanton nur kiel propagandan aferon de fantaziuloj kaj perdiĝas por la ideo de lingvo internacia. Krome: pro sia malbona sperto pri la ellernado de Esperanto ili infektos ankaŭ multajn aliajn personojn.

Tial, la ĉefa kondiĉo de ĉiu propagando por Esperanto devas esti la certeco pri la dispono de sufiĉaj kaj kapablaj instruistoj aŭ kursgvidantoj. Ankaŭ tion oni ĉiam konsideru, ĉu fakte estas egale, kiu instruas Esperanton. Ne pensu: ĉefafero estas, ke la homoj venu en la kursojn! Maltaŭga instruisto same povas malutili al Esperanto kaj senefikigi la plej bonan propagandon. Oni eble kontraŭdiras, ke pro la subpremo de Esperanto fare de faŝismo kaj milito multaj bonaj kursgvidantoj perdiĝis kaj ni por certa tempo ne povas anstataŭigi ilin per aliaj samkvalitaj fortoj. Tio absolute ĝustas. Sed, ni tamen pripensu, ĉu por la Esperanto-movado ĝenerale kaj pro la reputacio de Esperanto mem ne estas pli bone, rezigni provizore pri laŭta propagando, se mankas por ĝia plenumo la antaŭkondiĉoj. Jes, se ni antaŭe ĉion ekzamenis kaj certe scias, ke ni kaŭze de vasta propagando estas ekipitaj ĉiurilate, eĉ por amasa sinanoncado de lernemuloj

por Esperanto-kursoj, jes, tiam ni gluu grandajn afiŝojn al la muroj, distribuu milojn da flugfolioj, skribu alvokojn en la gazetoj, montru diapozitivojn kun varbaj tekstoj en la kinejoj, aranĝu grandstilajn varbkunvenojn kaj invitu ankaŭ la urbajn aŭ lokajn aŭtoritatulojn.

Sed, se ni scias, ke en la respektiva distrikta parto aŭ loko ni ne disponas pri la necesaj fortoj, tiam ni estu provizore modestaj kaj faru nian propagandon nur en malvasta rondo. Ĉi-kaze ni koncentrigu nian atenton al la perfektigo de la grupanoj kaj klopodu, eduki el ili eventuale estontajn kursgvidantojn. Fari el la grupanoj realajn esperantistojn, tio ankaŭ estas konsilinda agado de ĉiu grupestraro, ĉar unu flue parolanta esperantist(in)o propagande pli efikas ol cent la verdan stelon portantaj personoj, kiuj pene povas balbuti nur kelkajn simplajn frazojn kaj kies lingvoscio ofte ampleksas nur la salutvortojn „bonan tagon" kaj „ĝis revido".

Kie ni propagandu? Ni ne diru: ĉie. Tio multe dependas de la lokaj aŭ distriktaj cirkonstancoj. Dezirinde estus, enpenetri la klerigajn institutojn, popolajn altlernejojn k. s. Sed ni nur tiam petu la koncernajn direkciojn, akcepti Esperanton en sian instruplanon, se ni povas samtempe proponi al ili vere kapablan instruiston. Ni ankaŭ provu, kontaktiĝi kun la estraroj de ĉiuj partioj, sindikatoj kaj kulturorganizoj, precipe ni ne forgesu la gejunularajn organizojn interesi por Esperanto. Ni povas tion des pli fari, ĉar nia aŭstra Esperanto-movado estas superpartia kaj ni ĝoje salutos novajn adeptojn de la Lingvo internacia, egale el kia politika tendaro ili venas, ĉar kiel esperantistoj por ni ĉiuj estas samvaloraj, ĉu ili havas katolikan, komunistan aŭ socialistan mondkoncepton. Fariĝinte bonaj kaj celkonsciaj esperantistoj, ili poste portu la propagandon por Esperanto en siajn respektivajn partiojn, sindikatojn, kulturorganizojn ktp., ĉar ni sperte scias, ke partiaj kaj aliaj organizoj allasas propagandon en siaj vicoj por certa celo prefere nur pere de siaj propraj anoj. La fondo de ekzemple pure partiaj E-grupoj tute eblas laŭ la tendenco de la aŭstra Esperanto-movado. Tio eĉ estus salutinda kondiĉe, ke ankaŭ ili poste agnosku la necesson de unueca superpartia tutlanda Esperanto-movado.

Ni do vidas, ke ne mankas la kampoj, kie ni varbu por Esperanto, temas nur pri tio, ĉu ni jam nuntempe havas sufiĉajn fortojn, por efektivigi la fruktojn de vasta propagando. Grupoj, kiuj pro lokaj cirkonstancoj ne disponas pri bona kursgvidanto, certe ne povas propagandi grandstile kaj neniu serioza kaj pensema esperantisto al ili riproĉos pro tio. Ni scias, ke en grupoj ofte nur unu taŭga persono devas plenumi la laborojn estrarajn, propagandajn kaj krome devas gvidi kurson. Daŭre tion oni ne povas postuli de tiaj funkciuloj, ĉar tio iom post iom lacigos ilin.

Per niaj komunaj fortoj ni sukcesis, rekonstrui en Aŭstrio la tutlandan Esperanto-movadon post nur unu jaro kaj atingis jam sukcesojn, pri kiuj ni ne kuraĝis revi antaŭ 12 monatoj. La meriton por tio havas la grupoj en la federaciaj landoj egale kun la vienaj. Tute ne domaĝus al nia movado, se ni nun iom haltigus vastan propagandon kaj dediĉus niajn tempon kaj energiojn, por plifortigi la fundamenton de nia organizo, farante el nia anaro esperantistojn, kiuj v e r e regas la lingvon, kaj el ili ni ĉerpu poste la energiojn, kiuj ebligu al ni, fari post unu jaro pli intensan kaj vastan propagandon.

Ni nun ankaŭ enpenetris la Radio-programon, kvankam provizore nur unufoje semajne. Ni sukcesis, ke Esperanto estas instruata kiel nedeviga lernobjekto en la aŭstraj lernejoj. Speciale tio instruas nin, ke propagando havas siajn limojn, ĉar nun mankas al ni la sufiĉa nombro de fakaj Esperanto-instruistoj por povi ĉie al lernejoj disponigi instruiston, kie oni volas enkonduki Esperanton.

Tial estu provizore ĝenerale nia plej nobla celo kaj propagando: eduki el nia anaro taŭgajn instruistojn por kursoj, funkciulojn por la organizo kaj fari el la grupanoj la lingvon f a k t e posedantajn esperantistojn.

Alfred Berdan.

## *Uno kaj Esperanto*

AEF petas ĉiujn esperantistojn kaj esperanto-organizaĵojn, kiuj transprenis formulfoliojn por la deklaro prezentota al UNO, fini tiun ĉi agadon kaj resendi la subskribitajn deklarojn ĝis plej malfrue fino de Oktobro 1946.

# LITERATURO

## Post la Granda Milito

Alvoko al la diplomatoj

De d-ro L. L. Zamenhof

(Rimarkigo de la redakcio: Ĉi tiu alvoko de d-ro Zamenhof aperis en „The British Esperantist“ XI. 1915. La pensoj en ĝi esprimitaj estas en la tempo de la nuna packonferenco en Parizo post la dua mondmilito same validaj kiel tiam, kiam ili estis surpaperigitaj dum la unua milito en la jaro 1915. Oni nur povas bedaŭri, ke de la tiamaj diplomatoj la konkludoj de la majstro ne estis obeataj. Ĉu la nuna packonferenco traktados la rajtojn kaj bezonojn de la nacioj pli prudente por eviti novan militkatastrofon?)

---

Terura milito ekkaptis nun preskaŭ la tutan Eŭropon. Kiam finiĝos la grandamasa reciproka buĉado, kiu tiel forte malhonoras la civilizitan mondon, kunvenos la diplomatoj kaj penos reordigi la rilatojn inter la popoloj? Al vi, al tiuj estontaj reordigantoj, mi nun min turnas.

Kiam vi kunvenos post la plej ekstermanta milito, kiun iam konis la historio, vi havos antaŭ vi eksterordinare grandan kaj gravan taskon. De vi dependos, ĉu la mondo havu de nun fortikan pacon por tre longa tempo kaj eble por ĉiam, aŭ ĉu ni havu nur kelktempan silenton, kiun baldaŭ denove interrompas diversaj eksplodoj de intergentaj bataloj aŭ eĉ novaj militoj. Pripensu do frutempe kaj tre zorge vian taskon, ĉar nun kiam por via laboro estas oferitaj multaj centmiloj da homaj vivoj kaj milionoj da tre malfacile akiritaj homaj bonstatoj, vi havos sur vi tre grandan moralan respondecon. Zorgu do, ke via laboro ne estu sencela kaj senfrukta, kaj ke post la fino de viaj laboroj la homaro povu diri: ni ne vane elportis la grandegajn kaj terurajn oferojn.

Ĉu vi komencos simple refaradi kaj flikadi la karton de Eŭropo? Ĉu vi simple decidos, ke la terpeco A devas aparteni al la gento X kaj la terpeco B al la gento Y? Estas vero, ke tian laboron vi devos fari; sed ĝi devas esti nur negrava parto de viaj laboroj; gardu vin, ke la refarado de la karto ne fariĝu la tuta esenco de viaj laboroj, ĉar tiam viaj laboroj restus tute senvaloraj, kaj la grandegaj sangaj oferoj, kiujn la homaro elportis, restus vanaj.

Kiom ajn vi volos kontentigi la popolojn, kiom ajn justaj vi penos esti kontraŭ diversaj gentoj, vi nenion atingos per refarado de la

karto, ĉar ĉiu ŝajna justeco koncerne unu genton estos samtempe maljusteco koncerne alian genton. La nuna tempo ne estas simila al la tempo antikva: sur ĉiu disputebla peco da tero laboris kaj verŝis sian sangon ne unu gento, sed ankaŭ aliaj gentoj; kaj se vi decidos, ke tiu aŭ alia terpeco devas aparteni al tiu aŭ alia gento, vi ne sole ne faros agon justan, sed vi ankaŭ ne forigos sur tiu terpeco la kaŭzon de estonta batalado. La „liberigo", kiun vi donos al tiu aŭ alia terpeco, estos nur sofismo, ĉar ĝi signifos nur, ke al tiu aŭ alia gento vi donos la rajton, esti sur tiu terpeco mastroj super homoj de aliaj gentoj, kiuj ankaŭ tie naskiĝis, laboris kaj suferis kaj havas koncerne sian patrujon la samajn naturajn rajtojn, kiujn ĉiu infano havas koncerne sian patrinon. Estas vero, ke tiu gento, kiun vi privilegios, entuziasme krios: „Vivu la diplomatoj!" kaj se tiu gento sur la koncerna terpeco prezentos la plimulton, ĝi per teroro silentigos la aliajn, kaj ĉiuj gazetoj en la mondo diros, ke „la tuta loĝantaro de la terpeco A sentas sin tre feliĉa" . . . Sed tio estos mensogo, simpla mensogo, kiun la mondo ne komprenos nur pro tio, ke la ĝemado de la terore silentigitaj prematoj, de homoj, kiuj en sia patrujo fariĝis „fremduloj", ne venos al ĝiaj oreloj.

Transdonante ian terpecon al la homoj de tiu aŭ alia gento, vi ĉiam faros maljustaĵon kontraŭ aliaj homoj, kiuj havas la samajn naturajn rajtojn koncerne tiun terpecon. La sola efektive justa decido, kiun vi povas fari, estas: laŭte proklami kiel oficialan, firme interkonsentitan kaj plene garantiitan decidon de ĉiuj eŭropaj regnoj la sekvantan elemente naturan, sed ĝis nun bedaŭrinde ne observatan principon:

Ĉiu lando morale kaj materiale plene egalrajte apartenas al. ĉiuj siaj filoj.

Tio estas, ke en sia privata vivo ĉiu civitano en ĉiu regno havas plenan rajton paroli tiun lingvon aŭ dialekton, kiun li volas, kaj konfesi tiun religion, kiun li volas; ke, se en la institucioj publikaj estas uzata unu sola regna aŭ loka lingvo, tio estas nur poroportuneca cedo de la malplimulto al la plimulto, sed ne humiliga tributo de gentoj mastrataj al gento mastranta. Ĉar la gentaj nomoj, kiujn portas ankoraŭ multaj regnoj kaj provincoj, estas la ĉefa kaŭzo, pro kiu la loĝantoj de unu supozata deveno rigardas sin kiel mastrojn super la loĝantoj de alia supozata deveno, tial ĉiu regno kaj ĉiu provinco devas porti ne la nomon de ia gento, sed nur nomon neŭtrale-geografian.

Plej bone estus, se anstataŭ diversaj grandaj kaj malgrandaj eŭropaj regnoj ni havus iam proporcie kaj geografie arangîtajn „Unuigitajn Ŝtatojn de Eŭropo". Sed se nun estas ankoraŭ tro frue, por paroli pri tio, oni devas almenaŭ per oficiala kaj interkonsentita akcepto de la supre dirita principo forigi tiun grandegan malbonon,

tiun senfinan fonton de konstantaj bataloj, kiun prezentas la identigado de lando kun gento.

Kiam la supre dirita principo estos oficiale fiksita per garantiita decido de ĉiuj eŭropaj regnoj, tiam malaperos la ĉefa kaŭzo de militoj kaj de konstanta reciproka timado kaj senfina armiĝado, ĉar tiam oni jam neniam kaj nenie povos diri, ke „la patrujo estas en danĝero". Oni scias ja tre bone, ke la vortoj „patrujo en danĝero" ne signifas, ke iu volas deŝiri parton de nia patrujo kaj ĵeti ĝin en la maron, aŭ ke iu volas rabi por si la havon de ĝiaj loĝantoj, sed plej ordinare tiuj vortoj signifas simple: „Minacas danĝero, ke sur ia terpeco, kie ĝis nun mia gento estis mastro kaj aliaj homoj estis nur pli aŭ malpli tolerataj, morgaŭ eble alia gento fariĝos mastro kaj mia gento estos nur tolerata."

Kiam en la tuta Eŭropo regos politika justeco a b s o l u t a, t. e. natura, ĉie kaj por ĉiu egala, kiam en ĉiu lando ĉiuj loĝantoj estos morale kaj materiale plene egalrajtaj, kiam la landoj ne portos plu gentajn nomojn, kiam la regna lingvo ne havos plu karakteron genteŝovinisman kaj humiligan kaj ne ekzistos plu gentoj-mastroj kaj gentoj-servantoj — tiam ne ekzistos plu kaŭzo por intergentaj militoj; tiam ĉiu homo povos sidi tute trankvile en sia natura, sole vera kaj sincere amata patrujo, li ne bezonos plu timi, ke iu povas „forpreni" ĝin de li, kaj li ne bezonos revi pri forpreno de la patrujo de aliaj homoj.

Mi scias tre bone, ke la malamo inter la gentoj ne malaperos s u b i t e, en unu tago, kian ajn aranĝon la diplomatoj farus. Sed por tio poste laboros jam personoj p r i v a t a j, per predikado, edukado, alkutimigado ktp.; de vi, diplomatoj, ni atendas nur, ke vi donu al ni la e b l o n tion fari. Reciproka malamo inter la diversaj gentoj de la homaro ne estas io natura, kiel ne estus natura ia reciproka malamo inter la diversaj familioj de unu gento: la malamon kaŭzas nur — krom la facile forigebla reciproka nekomprenado kaj nekonado — la ekzistado de gentoj premantaj kaj gentoj premataj, la blinda egoismo, fiereco kaj kalumniemeco de la unuaj, la natura reagemeco de la lastaj. Estas facile interfratigi homojn liberajn kaj egalrajtajn, sed estas nefareble interfratigi homojn, el kiuj unuj rigardas sin kiel rajtajn mastrojn super la aliaj.

Se vi eĉ farus nenion alian, s e v i n u r f o r i g u s l a g e n t a j n n o m o j n d e l a l a n d o j (afero tre facile farebla), vi jam farus per tio agon eksterordinare gravan, vi kreus novan eron en la historio de Eŭropo. Ĉar en lando kun neŭtrala nomo la tuta natura plena egalrajteco de ĉiuj ĝiaj loĝantoj pli aŭ malpli frue nepre estos atingita, sed en lando kun nomo genta la egalrajteco neniam estos plena kaj daŭra, ĉar la malfeliĉa nomo ne sole kvazaŭ pravigos la plej mal-

noblajn intergentajn maljustaĵojn en la diversgentaj landoj de la orienta Eŭropo, sed eĉ en landoj pli civilizitaj ĝi ĉiam konfuzos la kapojn eĉ de la plej honestaj civitanoj, subtenante en ili ĉiam la opinion kaj senton, ke la lando apartenas nur al tiu gento, kies nomon ĝi portas, kaj ĉiuj aliaj gentoj estas en ĝi nur fremduloj. Eĉ ĉe la plej bona volo la civitanoj de tiu lando ne povas alkutimiĝi al la ideo, ke ili ĉiuj prezentas unu nacion, ĉar por tia nacio simple ne ekzistas v o r t o, kaj, demandinte pri tio, al kiu popolo li apartenas, la loĝanto de tia lando pro manko de tiu vorto estas d e v i g a t a nomi ian genton; kaj ĉi tiu devigata konstanta alkalkulado sin al ia speciala gento anstataŭ al la komuna nacio de la lando forte subtenas la gentan ŝovinismon kaj malpacon inter la samlandanoj.

Resumante ĉion, kion mi diris, mi ripetas:

Kiam post la fino de la milito kunvenos la diplomatoj, ili povos fari ŝanĝojn en la karto de Eŭropo; sed tio ne devas esti ilia ĉ e f a laboro. Ilia ĉefa laboro devas esti: starigi en la nomo kaj sub la garantio de siaj registaroj pli-malpli la sekvantajn leĝojn:

1-e) Ĉiu regno apartenas morale kaj materiale al ĉiuj siaj naturaj kaj naturigitaj loĝantoj, kian ajn lingvon, religion aŭ supozatan devenon ili havas; neniu gento en la regno devas havi pli grandajn aŭ pli malgrandajn rajtojn aŭ devojn ol la aliaj gentoj.

2-e) Ĉiu regnano havas plenan rajton uzi tiun lingvon aŭ dialekton, kiun li volas, kaj konfesi tiun religion, kiun li volas. Nur en la institucioj publikaj, kiuj ne estas destinitaj speciale por unu gento, devas esti uzata tiu lingvo, kiu per komuna interkonsento de la regnanoj estas akceptita kiel lingvo regna. En tiuj publikaj institucioj, kiuj havas karakteron speciale lokan, anstataŭ la regna lingvo povas esti uzata alia lingvo, se ne malpli ol $^{9}/_{10}$ de la urbanoj donis por ĝi sian konsenton. Sed la lingvo regna aŭ urba devas esti rigardata ne kiel humiliga tributo, kiun ŝuldas gentoj mastrataj al gentoj mastrantaj, sed nur kiel propravola poroportuneca cedo de la malplimulto al la plimulto.

3-e) Pro ĉiuj maljustaĵoj, farataj en iu regno, la registaro de tiu regno estas responda antaŭ Konstanta Tut-Eŭropa Tribunalo, starigita per interkonsento de ĉiuj eŭropaj regnoj.

4-e) Ĉiu regno kaj ĉiu provinco devas porti ne la nomon de ia gento, sed nur nomon neŭtrale-geografian, akceptitan per komuna interkonsento de ĉiuj regnoj.

Sinjoroj diplomatoj! Post la terura ekstermа milito, kiu starigis la homaron pli malalten ol la plej sovaĝaj bestoj, Eŭropo atendas de vi pacon. Ĝi atendas ne kelktempan interpaciĝon, sed pacon konstantan, kiu sola konvenas al civilizita homa raso. Sed memoru, memoru, memoru, ke la sola rimedo, por atingi tian pacon, estas: forigi unu

fojon por ĉiam la ĉefan kaŭzon de la militoj, la barbaran restaĵojn el la plej antikva antaŭcivilizacia tempo, la regadon de unuj gentoj super aliaj gentoj.

## Gepatra Sorto

Stephan Zodel

Jam vesperas. Interne kaj ekstere feste preparita, Fritz — fraŭlo proksimume dekokjara — forlasas la gepatran hejmon. La eksteran anson ĉirkaŭprenante, li envokas: „Ne estas necese, patrino, atendi min! Mi hodiaŭ denove hejmenvenos iomete malfrue! — Ĝis revido! . . . .“

Kaj la patrino estas sola. Ĉu ŝi ne ankaŭ antaŭe kvazaŭ estis sola? Ŝia Fritz — oh, li ja hejme tiom malmulte parolas! Same kiel Albert, la iomete pli aĝa frato, li estas tiom silentema, tiom vortŝparema, por ŝi kaj la patro tiel nealirebla. . . . Kien li do iros, ĉar li tiel elegante vestis sin? — Ja, ja: Nenion li diras aŭ rakontas — nur por la plej necesaj aferoj li elbuŝigas vortojn, kaj tiuj aferoj, kiel koncize ili estas pritraktataj! Oh, ke ili estas bonaj, bravaj, ŝiaj du filoj, tion ŝi scias, pri tio ŝi estas firme konvinkita, ili ja estas tiom bonkoraj, tiom saĝaj, tiom bonkvalitaj, akurataj fraŭloj . . . Sed tamen — tamen ŝi dezirus, ke ili prezentus sin alie, iomete alie . . . Dum la patrino tiel meditadas, subite malfermiĝas la pordo loĝeja.

„Ho, vi jam hejmenvenas, edzo!“ ŝi diras. „Ĉu vi ne renkontis Fritz? Ĵus li estas foririnta! . . .“

„Ne, mi ne vidis lin“, krudvoĉe respondas la edzo, grumblante aldonante: „Mi estas ja kutiminta, la bubojn ne trovi hejme. Kien do iris Fritz? —“

„Kien? Ho, mia kara, tro multon vi demandas! Ĉu iu el la buboj informas nin, kion li intencas entrepreni aŭ kien li iras? — Se mi ne eraras, Albert estas vizitanta iun kurson. Nu kaj pri Fritz mi nenion scias . . .“

Post eta paŭzo la virino daŭrigas:

„Diru al mi, edzo: Ĉu vi ne ankaŭ jam pensis pri tio, ke niaj infanoj por ni kvazaŭ ne plu ekzistas? Kiam ili estis ankoraŭ etuloj, kiom multe da ĝojo, kiom multe da feliĉo ili donis al ni! Kia gaja, kia vigla vivo tiam regis en nia hejmo — certe ankaŭ bruo, kiu kelkfoje malplaĉis al ni! Jes, sed nia vivo tiam signifis ion; ĝi enhavis iun sencon. Kompare al nun — kia tute alia vivo estis tio! Nia hejmo, ĝi nun similas al preĝejo — tiom trankvile estas en ĝi. La semajntagoj, la dimanĉoj — kiom senenhavaj, kiom enuigaj ili estas sen infanoj! Vere solecaj homoj ni fariĝis! Konfesu, edzo: Ĉu tia vivo meritas esti

nomata vivo? — Kiam unu aŭ la alia el la buboj troviĝas hejme, tiam li retiras sin kaj sidas en sia ĉambro, studadas, legadas aŭ amatore metias. Jes. Ili estas niaj infanoj, sed fakte ili ĉesis esti la infanoj niaj . . . Ili ne plu apartenas al ni. . ."

„Jes, Paŭla", monotone sin laŭtigas la edzo, „vi pravas, vi tute pravas. Sed kion fari? Ili estas junaj homoj, niaj filoj! Ili pli kaj pli fariĝas plenkreskuloj kaj oni devas lasi ilin evoluiĝi. La ĉefafero estas, ke ili restu honestaj, bravaj, fortkarakteraj homoj. Ĉu ni postulu pli ol tion? Kaj pri niaj du buboj kaj pri ilia estonteco vi povas esti senzorga, Paŭla, vere senzorga!"

„Jes, jes, tio estas ĝusta, per ĉiu vorto ĝusta", ĝemante rimarkas la edzino, „sed tamen . . . tamen . . . Oh, mi scias: vi ne komprenas min . . . Cetere — mi ja devas prepari vian vespermanĝaĵon . . ."

*

Dum iu posttagmezo, Fritz kaj Albert, la du fratoj, estas vizititaj de amiko.

La tri junuloj nun sidas en la ĉambro, vigle diskutante, dum la patrino en la kuirejo preparas kafon ekstran, kiel tio decas, kiam oni ricevis viziton ŝatatan. La bonkora patrino — kiom ĝojigita ŝi estas hodiaŭ! Ŝi ja nun havas okazon, aŭdi, kiel ŝiaj filoj scipovas paroli, kvankam tra la pordo, kiu apartigas la kuirejon de la ĉambro, ne multo estas komprenebla. Sed tio ja ne gravas. Al ŝi sufiĉas, aŭdi la voĉojn junulajn. Ilia sono — kiel agrable ĝi trafas ŝiajn orelojn! Kaj en ŝi nun ekregas la konscio feliĉiga, ke ŝiaj filoj — jes ŝiaj filoj! — ne nur estas koncizaj, neparolemaj, kiel ŝi devis tion kutimi, sed ankaŭ scias agrable babiladi, fervore paroladi! . . .

Jen: tiuj tri junaj homoj — ili estas de la temo pridiskutata tiom kaptitaj, tiom absorbitaj, ke ili ne estus rimarkintaj la virinon enirantan la ĉambron kun kafo bonodora, se ŝi ne vokus per sia laŭta voĉo serena:

„Nun finu viajn diskutojn kaj ektrinku kafon!" Kaj turnante sin al siaj du filoj, ŝi diras, per la montra fingro ŝerce minacante: „Miaj buboj — vi estas ĝustaj! Kiel vigle vi hodiaŭ scias paroladi! Kiel vi kapablas rapide movi viajn langojn, viajn buŝojn! Sed se temas, paroli kun mi, vi ambaŭ — ja rigardu nur! — disponas pri vorttrezoro konsistanta el maksimume tri vortoj! . . ."

Ridmiene la virino forlasas la ĉambron.

Fritz, Albert kaj la amiko nun gaje etendas la manojn al la tasoj kafon enhavantaj kaj al la bakaĵoj surtabligitaj, sed neniu inter la tri fraŭloj sentas, neniu divenas, kian tragikon enhavas la vortoj de tiu ĉi patrino. .. .

(El „Verda Revuo")

## *FINO DE SEPTEMBRO*

De Aleksandro Petöfi

Floradas ankoraŭ la floroj en valo
Kaj verdas ankoraŭ la poplo ĉe l'pont',
Sed vidu, jam tie la vintra vualo,
La neĝo ekkovris la supron de l'mont'.
En kor' mia juna kun fajra radio
Printempe brilegas ankoraŭ la sun',
Sed griza jam iĝis ĉe mia tempio
La nigra harar' pro la prujn' de aŭtun'.

La floro forfalas, la vivo forpaŝas . . .
Alflugu, edzin', ho amata kolomb',
La vangojn sur bruston nun mian vi kaŝas,
Ĉu eble ne — baldaŭ — sur herbojn de l'tomb'?
Ho diru, se mort' min antaŭe forŝiros,
Ĉu restos mi ĉe vi en plora memor',
Aŭ iam la am' de junul' vin altiros,
Kaj nomon la mian faligos vi for?

Se ĵetos vi for la vidvinan vualon,
Ĉe l'tomb' ĝin pendigu, flirtigu ĝin vent',
Ĝis flagon la nigran, lasinte for valon,
De l'mort' mi subportos en nokta silent'.
Deviŝi la vangojn malsekajn de ploro
Pro vi, forgesint' kun facila anim'
Kaj vindi la vundon kruelan de l'koro
Amonta eĉ tiam, eĉ tie, sen lim'.

Trad. Kol. de Kalocsaj

# Hermann Bahr pri la paco

La grava aŭstra poeto kaj verkisto Hermann Bahr diris pri la problemo de la paco jenajn atentindajn pensojn:

„Se la milito estu evitata, tiam al la milit-volemo devas kontraŭstari, kontraŭagadi same forta pac-volemo. Sed tio mankas. La militemo estas aktiva, sed ĝiaj kontraŭuloj pasivaj. Kiu sin sentas pacema, pensas, ke tio sufiĉas. Sed kontraŭ forta „jes" nura „ne" ne sukceses. Neniu „ne" havas la forton venki „jes-on". Tiun forton nur havas same viva ,same agema „jes". Tiel la pacemuloj inter ni havas tute malfavoran rilaton al la militemuloj. Al tiuj la milito estas

vivbezono, vivsento, vivenhavo, mondkoncepto, eĉ religio, io, kio postulas la tutan homon kaj kio plenigas la tutan homon.

Kion la pacemuloj al ĝi kontraŭmetas? Ili preferas esti nemilitemaj . . . Ĉu oni ne memoras pri la pasintaj jaroj de vera „kulturado" de militemo???"

Plue diris Hermann Bahr: „Kritiko, malpermeso, neado, ĉiam estas senpovaj. Farado nur estas kontraŭata per farado. Ne helpas al ni nei la malbonon; kontraŭ la malbono nur helpas al ni plenigi la mondon tiom per la bono, ke fine la malbono ne plu povas trovi lokon. Kaj tiel ne helpas al ni priplendi la militon; kontraŭ la milito nin protektas nur rilato inter la nacioj, en kiu ili kune ĉiuj sin sentas pli bone ol disiĝantaj. La militemo povas esti venkata nur per same kuraĝa, same esperema, same aganta kaj ankoraŭ pli forta pacemo, kiu sin tenas ne nur defendante, sed produktive kaj traefikas la tutan homon kaj en li fariĝas pasio. Tio mankas."

Hermann Bahr argumentas, ke eĉ la traduko de la alta vorto en la Surmonta Prediko de Jesuo ne ĉiam estas ĝusta kaj asertas, ke en la greka teksto nomiĝas: „Benataj estas la pac-agantoj" (Selig sind die Friedens-Täter!). Tio estas tute alia vorto (ol la kutima „pacema", „pac-ama"). La evengelisto diras alie. Li volas, ke la paco estu farata, li apelacias al nia volo, li instigas nin al agado! Pacema estas, kiu volas havi pacon. Sed la evangelisto opinias tiun, kiu havas la forton, krei pacon. Kaj tio estas, kion ni bezonas. Ne nur nemilitemulojn, sed pac-agantojn, pacigantojn!"

Ĉu tio ne estas ĝuste ankaŭ tio, kion ni nuntempe tiom bezonas?

# UNUECO — SOLIDARECO!

Vagulo — sed tia, kiu nur vagadis tra la mondo, ĉar li ne povis trovi laboron en sia patrujo — aŭdis pri lando, kiu, kvazaŭ oazo en la dezerto, satigis ĉiujn laboremajn homojn. Li decidis, piedvojaĝi tien kaj ekmarŝis.

Kelkajn tagojn jam li iris; ĉie la homoj eĉ mem ne havis sufiĉe da manĝaĵo kaj li jam tre malsatis. Sed ĉiam pli kaj pli proksimen li venis al la dezirata lando, kaj finfine nur alta montaro disigis lin de ĝi.

Li sciiĝis la ĝustan, sed tre lacigan vojon, kaj en la venonta mateno li tre frue komencis suprengrimpi la ŝtonozan vojeton. Pli kaj pli supren li grimpis la montegon, kaj preskaŭ tute supre li venis al fendego, troviĝanta inter la rokmuroj.

Per siaj lastaj fortoj li provis tragrimpi tiun fendegon, sed ho ve, li venis al loko, kie enfalis granda ŝtono tiamaniere, ke ne estis eble, preterpasi ĝin. Li klopodis forruli ĝin, sed la fortoj ne sufiĉis kaj li, jam tute proksime ĉe la lando de riĉeco, devis returniri.

Pro la elĉerpiĝo li kuŝigis sin en herbejon kaj ekdormis profunde. Sed post li ree venis malsataj kuraĝuloj unu post la alia. Neniu el ili sukcesis forigi la ŝtonegon.

„Fratoj“, diris unu el la alvenintoj, „ne estas eble, forruli la ŝtonegon, ni do preĝu al nia bona Dio, ke li helpu nin, ĉar alie ni pro malsato pereos!“

Kaj ili preĝis, ĉiu al sia Dio, sed malgraŭ tio la ŝtonego restis sur la sama loko. Ree ĉiu unuopa provis movi la ŝtonon, sed vane.

Subite la unue alveninta eldormiĝis, ĉirkaŭrigardis kaj vidis la samsortulojn. Li pensis, kio nek al mi, nek al iu alia unuopa estis ebla, tion ni kune certe povos fari kun sukceso. Li do alvokis la aliajn, kaj vere, per la komunaj fortoj ili fine forrulis la rokopecon kaj povis malsuprengrimpi al la nova lando, en kiu neniu eĉ konis la vorton „malsato“. Ĉiu tie laboris kaj neniu pensis pri aliaj aferoj krom tio, kiamaniere oni povus feliĉigi la alian kunvivanton.

Pro tio ili ankaŭ neniam estis devigataj militi kaj la lando kaj la homoj ĉiam pli riĉiĝis.

Ĉu rakonto? Aŭ ĉu ni ne havus pli da sukceso, se ni estus agintaj laŭ ĝi? Malgraŭ tiu terura milito la homoj jam ree forgesis la travivitajn aferojn kaj unu popolo turmentas la alian.

Ni esperantistoj devas, helpe de nia lingvo, provi, interpacigi la homojn por ke ĉiu unuopa helpu forruli la grandan ŝtonon de la miskompreno.

Eklaboru esperantistoj!

Gustav Loibel.

### Dank' al Esperanto

La 21an de Majo 1940, mi troviĝis en urbo A . . . (Francujo). La soldatoj de la (germana) invada armeo alvenis en tiun urbeton, kiam ekvesperiĝis. La sekvintan matenon ili arestis multajn civilulojn. Mi mem estis unu el tiuj arestitoj kun Alĝeriano kaj Belgo. Ni estis lokitaj apud muro, kie ni apogiĝis, la brakojn supren. La Belgo estis Esperantisto kaj mi mem iomete lernis la lingvon. Ni do interŝanĝis kelkajn vortojn. Subite germana gardestaranto proksimiĝis al ni kaj demandis nin Esperante:

— Ĉu vi estas esperantistoj?

— Jes.

— Bone, mi provos helpi vin forkuri, ĉar la grupo estas elektita por esti mortpafota.

Poste li foriris. Eble unu horon post tiu interparolo, en la momento, kiam la atento de ĉiuj arestitoj estis altirata al tio, ke unu arestito ĵus ricevis baton en la femuron pro tio, ke li mallevis la brakojn, mi sentis min altirata malantaŭen.

Mi turnis la kapon kaj rekonis la germanan soldaton, kiu, demetinte la kaskon, faris signon al mi. Mi falis teren, imitate de la Alĝeriano kaj Belgo, kiuj mem ankaŭ vidis la signon. Ni rampis ĝis malantaŭ la proksimaj domoj. Alveninte tie, post rapida manpremo, mi forkuris tra la kampoj.

Poste mi ekciis, ke 141 civiluloj estis mortpafitaj tiun tagon. Dank' al Esperanto, mi kaj miaj du kamaradoj, pri kiuj mi nenion sciis poste, estis savitaj.

Jen kial mi finlernis la lingvon kaj gvidas Esperanto-kurson en nia loĝurbo. A. J.

(El „Svisa Espero", n-ro 3/1946.)

# Du fabletoj

## La saĝaj musoj

Iam la musoj konsilis pri tio, kiel ili povus ŝirmi sin kontraŭ la kato. Sed eĉ la plej maljunaj kaj plej spertaj inter ili ne sciis, kion fari, kaj fine ĉiuj malgajiĝis.

Jen: eta muso havis ideon. Ĝi proponis, oni ligu ĉirkaŭ la kata kolo tintilon, por ke oni aŭdu la katon jam de malproksime.

Ĉiuj ĝojis pri tiu grandioza, saĝa ideo. Tamen ekleviĝis maljuna muso, demandante, kiu do ligu la tintilon ĉirkaŭ la kata kolo?

Subite ĉiuj mutiĝis kaj ŝtelmove malaperis. Sed la kato ĝis hodiaŭ ne havas tintilon sur sia kolo.

## La heliko

Heliko, loĝanta ĉe fervoja digo, ĉiutage ĉagreniĝis pri rapidvagonaro, kiu preterrapidegis kaj malhelpis ĝin per sia impertinenta konduto en ĝiaj agrablaj agoj.

„Tion mi dekutimigos al ĝi!" diris la heliko al si mem, surstarigis sin inter la reloj kaj minacante etendis siajn palpilojn, kiam ĝi ekvidis la trajnon en la malproksimeco. „Mi terenpuŝos ĝin!" diris la besteto, plena de kolera kuraĝo.

La rapidvagonaro alvenis kaj preterveturis supre de la besteto. La heliko returnis sin kaj postrigardis la forrapidegantan trajnon. „Ĝi ne povas kontraŭstari", ĝi estis diranta malestime, „ĝi fuĝas, tiu malkuraĝemulo!"

ŜERCOJ

„Mi neniam prijuĝas viron laŭ liaj vestaĵoj."

„Tion mi ankaŭ ne faras. Mi prijuĝas lin ĉiam laŭ la vestoj de lia edzino."

*

„Rubens estis tia bonega pentristo, ke li per unu sola penika strio povis ŝanĝi infanan vizaĝon ridantan en plorantan.“
„Tion ankaŭ povas nia instruisto per sia kanbastono.“

*

„Ho, sinjoro Kruse! — Vi tute alie aspektas!“ — „Vere?“ — „Jes, mi nur rekonis vin laŭ la ombrelo, kiun mi pasintjare forgesis ĉe vi.

## *ĈU PEKO?*

Al pastro iris, al konfeso,
Koketulino ne plu juna
Kaj longe petis pri forgeso
Por bagatelo plej komuna.

„Ne grave“ diris tuj konsole
La pia vir' kun pacienco,
„Ĉu tiajn negravaĵojn sole
Riproĉas via konscienco?“

Afekte tiam kaj kokete
La pekulino eksopiris,
Kaj pli mistere, pli sekrete
Ŝi al la sankta viro diris:

„Vanteco estas la makulo,
Ĉar honte pente mi konscias,
Ke min vidante en spegulo
Mi min tre bela opinias!“

Kaj flustre per pintita beko
Ŝi petis lin pri pentofaro,
„Sed tio ja ne estas peko!“
La pastro grumblis, . . . „nur eraro!“

El „Verdkata Testamento“ de Raymond Schwartz, Parizo.

# LA ESPERANTO-MOVADO EN AŬSTRIO

## AEF salutas prof. d-ron Hugo Jokl

Tre estimata s-ro profesoro!

En la 1-a ĝenerala kunveno de la novstarigita Aŭstria Esperantista Federacio, la 31. 3. 1946, kies plej ŝatata prezidanto vi estis antaŭ la fatala jaro 1938, la estraro kun plej granda bedaŭro devis sciigi al la partoprenantoj, ke AEF ankoraŭ nenion aŭdis pri via sorto.

Kiam vi pro la faŝista danĝero devis forlasi Aŭstrion, kaptis malĝojo niajn korojn, sciante, ke en via persono la Esperanto-movado perdis eminentulon sur lingva kampo kaj bonkoran samideanon.

Kiel vi, ankaŭ AEF iĝis viktimo de la faŝismo — la organizo kaj Esperanto estis malpermesitaj. Tamen la kulturmalamikaj naciistoj nur povis subpremi la eksteran kadron de la Esperanto-movado aŭstria, sed en niaj koroj pluardis la flamo de la kredo, ke revenos la tempo, kiam la barbara sistemo estos supervenkata de la politika libereco kaj demokratio, kaj ke la esperantistoj denove eklevos la verdan standardon.

AEF do estiĝis en la sama spirito, kiu ĝin inspiris, kiam vi estis ĝia lasta prezidanto.

Nun ni ricevis per la gazeto „Esperanto" (UEA) la ĝojigan sciigon, ke vi vivas en la najbara ĉeĥoslovaka respubliko.

Nome de la nova aŭstra Esperanto-movado viaj tiamaj kunlaborintoj dankas al la sorto, ke vi, ŝatata samideano, sane ĝisvivis la terurajn pasintajn jarojn; ni etendas niajn manojn al vi en samcelana amikeco kaj sincereco kaj salutas vin plej kore!

La estraro de AEF.

## Ĉion por la kurso!

La aŭtuna sezono estas la tempo, dum kiu, post pli malpli feria stato dum la somero, revigliĝas la grupa vivo, dum kiu ĉiu unuopa esperantisto devkonscie aktiviĝas por la grava porkursa agado.

La grava porkursa agado!

Tiu ĉi frazeto nin ĉiujn verdstelanojn elektras. Ĝi reaktualigas al ni konsciiĝon pri ĉiuj laboroj entreprenendaj, kiuj garantias bonan sukceson de niaj „esperantistigaj" klopodoj, tiom esence gravaj por nia movado.

Por rememorigi ilin al ni, ni sekve represas fragmenton el artikolo, aperinta en la lasta, antaŭnaciisma numero de la AEF-Bulteno de februaro 1938:

„Tiu multnombra aliĝo montras klare du faktojn: Une, ke ni ĉiuj intense kaj plensukcese varbis, ke ĉiuj federacianoj estis modele aktivaj por meti nian agadon sur pli larĝan bazon kaj due, ke nia internacia lingvo renkontas en Aŭstrio pli kaj pli da simpatio kaj ke nia Federacio iĝas pli kaj pli populara.

Ni do ne nur ŝuldas al la kluba reputacio, sed ankaŭ al nia Federacio plej streĉan laboron por niaj kursoj. Ni ĉiuj ne nur volas montri, ke ni kapablas bone varbi, sed ni volas ankaŭ montri al nia Federacio, ke ni estas taŭgaj por **sukcese gvidi kaj sukcese fini la kursojn.**

Kelkaj el niaj kluboj laŭ la membronombro ankoraŭ estas malfortaj: ili eble ĵus ekfunkciis. Sed estas evidente, ke ni ĉiuj bezonas pluajn fortojn. Ne nur la etaj kluboj pligrandiĝu. Ankaŭ la grandaj societoj devas plilarĝigi sian bazon por krei novajn pionirojn: ju pli da batalantoj ni estas, des pli baldaŭ ni proksimiĝos al nia celo.

Malofte, por ne diri neniam, kursoj tre membroriĉaj estis plennombre finataj. Baldaŭ eklernintoj malpli seriozaj forrestis kaj estis perditaj por nia movado. Sed ni konstatis, ke ne nur nesufiĉa intereso pri nia afero kaŭzis, ke ili ne plu venis. Kulpis ofte ankaŭ nelerta instrumetodo de la instruisto.

**Ni do devas speciale zorgi pri jenaj du punktoj: Unue, ĉiel klopodi por restigi la netute seriozajn kursanojn kaj due, ĉiel klopodi por perfektigi la instrumetodon.**

Por la unua punkto: interesi la netute seriozajn kursanojn, ni elpensis jenajn rimedojn: Por la malalta kotizo ni devas al ili oferti kiel eble plej multe:

a) la instruadon; b) membrecon al la Federacio; c) kiel organizan informilon la „Bulteno" -n*); ĉ) kiel legaĵon — kiam la kurso ĝis tiu grado progresis — Verdan Revuon*); d) konigi ilin baldaŭ pri la Interna Ideo de nia lingvo; e) kie estas eble, venigi eminentulojn de nia movado por paroladi pri ideologio kaj movado; f) inviti eksterlandanojn por paroladi (tradukonte); g) baldaŭ organizi kolektivan korespondadon kun eksterlando; ĝ) premii plej bonajn laborojn de la lernantoj; h) instrui kantojn en Esperanto kaj organizi muzikgrupeton el kurs- kaj klubanoj. Organizi kantĥoron; ĥ) organizi variajn vesperojn (seriozajn kaj gajajn) en ĉefe nacia lingvo kune kun la klubo; i) metode helpi al malfru-aliĝintoj kaj malfacile progresantaj lernantoj; inviti ilin al la klubvesperoj kaj tie lerni kun ili; j) skribi murgazeton kaj instali ekspozvitrinon; ĵ) elokvente montri la progresadon de la kurso per statistikaj afiŝoj (partopreno, taskoj, premioj ktp.); k) komisii la estraron aŭ elekti apartan komisionon, kiu zorgas pri la efektivigo de la supraj taskoj.

Tiuj entreprenoj ligos la kursanojn al ni.

---

*) Ne plu aktuale. (Rim. de la red.)

Por la dua punkto: plejeble perfektigi nian instrumetodon, necesas fari proponojn kaj instigojn kaj **necesas sincere kaj pozitive kritiki.** Ni ja ĉiuj aspiras nur la sukceson de nia komuna afero, tial neniu ĉagreniĝos, aŭdante bonvolajn kritikojn. Kaj speciale por la instrumetodo nia instruisto ja bezonas nian tutan sankcion. De la instruisto dependas preskaŭ ĉio. Li estas, kiel amiko Aitzinger prave diris en sia artikolo, la plej grava propagandisto. Se li laborus malbone, ni perdus la varbitojn kaj la tuta prepara penado estus vana. La homoj ne nur perdiĝus — ili iĝus malsimpatiantoj al nia afero kaj nur en plej favora kazo iĝus indiferentaj. Do, se necesas, ni subtenu nian instruiston en lia gravega agado per konsiloj.

Tial, geamikoj, por ke ĉiu kursano iĝu nova, fervora pioniro por nia ideo, por nia Federacio, ni alvokas vin ĉiujn kunhelpi tutforte por sukcesigi niajn kursojn, resumante niajn taskojn en la devizo: **Ĉion por la kurso!**

# Viena Delegitaro

En la kunsido de la Delegitaro la 7. 8. 1946, s-ano R. Cech detale raportis pri la renkontiĝo en Gmunden inter la ges-anoj el Salzburg kaj Supra Aŭstrio, kiun li partoprenis. Li substrekis la fervoron kaj aktivecon, kiuj animas niajn samcelanojn en la ceteraj federaciaj landoj de Aŭstrio. S-ano Cech esprimis la opinion, ke tiaj renkontiĝoj, pli ofte aranĝataj, multon kontribuus al pli harmonia kunlaborado, ĉar ili la homojn kaj funkciulojn, kiuj portas la organizon kaj E-movadon, pli alproksimigas kaj vekas la kamaradan senton inter ĉiuj

La estro de la kunsido, s-ano Sager, poste laŭtlegis salutleteron al la Viena Delegitaro, alveninta de la renkontiĝo en Gmunden, kiu estis subskribita de multaj partoprenintoj. La delegitoj akceptis la salutojn kun aplaŭdo.

Poste okupiĝis la kunsido en vigla kaj detala diskutado pri la preparaj laboroj por la aŭtuna propagando kaj malfermo de novaj E-kursoj. Aplaŭdon trovis la sciigo de la vicprez. de AEF, d-ro Grimme, ke la kleriga instituto Wiener „Urania" letere komunikis al la Centro, ke ĝi intencas enkonduki lumbildparoladojn en Esperanto kaj petis pri nomigo de taŭga docento.

La Delegitaro salutis la fakton, ke Radio Wien fine akceptis Esperanton en sian programon.

Propagandfonduso: Ĝi atingis dank' la malavarecon de la vienaj grupoj la sumon de ŝil. 385.—. Donacis la grupoj: „Suno" ŝ. 65.—, „Kaloscay" ŝ. 50.—, „Harmonio" ŝ. 40.—, „Danubio" ŝ. 35.—, „Nia Stelo" ŝ. 30.—, „Vereco" ŝ. 30.—, „Fervojista Fakgrupo" ŝ. 30.—, „Nia Vojo" ŝ. 30.—, „Centro" ŝ. 20.—, „Verda Stelo" ŝ. 10.—, „Supren"

ŝ. 20.—, „Libereco" ŝ. 10.—, „Antauen" ŝ. 10.—, „Amikeco" ŝ. 5.—. La grupoj, kiuj ĝis nun nenion kontribuis al la propaganda fonduso estas petataj, plej baldaŭ fari tion laŭ la koncerna decido.

**Alvoko al ĉiuj lingvospertaj esperantist(in)oj!**

La E-movado urĝe bezonas bonkvalitajn E-instruistojn kaj kursgvidantojn, por povi iom post iom aranĝi plej eble multajn E-kursojn. La agado de kursgvidanto principe estas honorariata.

Esperantist(in)oj, kiu sentas sin taŭgaj por la instruado, anoncu sin tuj ĉe la Esperanto-Instituto por la prepara kurso, komenciĝanta la 30. 9. 1946.

Per la instruado ili ne nur mem pliperfektiĝos, sed faros samtempe gravan kontribuon al la E-movado.

**Kursfinfesto de E-grupo „Harmonio", Wien XV.** La 2. 8. 1946 okazis la kursfinfesto de nia grupo. Ĉeestis, kvankam ni ne publikigis la aranĝon, 45 gesamideanoj.

Dir. F. Menacher parolis pri: „Esperanto kiel lingvo" kaj s-ano Vokal pri: „La esperantismo kaj praktika uzado de Esperanto."

S-ano Bartek bonege deklamis la poemon „Sub la verda standardo". Treege plaĉis la muzikaĵoj, luditaj per citroj de niaj grupanoj Schober kaj Janecka. Ankaŭ la edzino de nia estro, s-ino Vokal, kontribuis al la sukceso per fortepianludado. S-ano Bauer laŭtlegis du gajigajn rakontojn kaj s-ano Mann prezentis ŝercaĵojn. Forflugis la tempo kaj ĉiu bedaŭris, ke jam preskaŭ estis la 22-a h., do ke tre urĝis, fini la unuan festeton.

Novaranĝo estis, ke eĉ la kursanoj mem estis prezentantoj. S-anino Krautschneider rakontis la famkonatan historion pri la muŝoj, kiuj enfalis en la glasojn de diversnaciaj esp-istoj. Ŝi tiel bone ampleksigis kaj orname rakontis la historion, ke vere ŝi meritis la aplaŭdegon sekvantan.

La novaj kursoj (por progresantoj kaj komencantoj) komenciĝos komence de septembro.

**Belaj horoj.** Dimanĉe, la 28. 6. 1946, 19 des-anoj el Vieno, invititaj de s-ano Majtanic el Kalksburg, ekskursis tien. Tum la tuta posttagmezo nur en Esperanto estis parolata. En la arbaro ni kuŝigis nin kaj pasigis la tempon per gajigaj ludoj.

Kia kontrasto! Nun ni pace ludas ĉi tie, sed antaŭ pli ol unu jaro la bela monto, la tuta regiono nur estis rezervitaj por la militistaro. Dum bombatakoj krakis la pafilegoj, falis la hurlantaj bomboj kaj frakasis ĉion, la senkulpajn arbojn kaj homojn.

Nun regas ega trankvilo. Ĉio estas detruita kaj la kazernego forbrulinta. Niaj pensoj, vole-nevole, kelkan tempo restas en tiu ĉi tempo

de teruro, kaj des pli ni ĝojas, ke ĉio pasis. Kaj ni ĵuris, kunhelpi per niaj fortoj kaj per nia Esperanto, ke ne plu povu okazi tiaj fitempoj.

En Kalksburg alveninte, ni vizitis la esperantistan hejmon kaj estis vere laŭtempe bonege regalitaj.

S-ano Loibel en mallonga parolado dankis al s-ano Majtanic pro lia zorgemo, rememorigis pri la pasinta milito kaj esperigis ĉiujn pri la estontaj pli bonaj cirkonstancoj. Logo.

**„Nia vojo“ (Laborista esperantistaro), Wien XVI.,** ŝanĝis sian sidejon depost la 1. 7. 1946. La nova adreso estas: Wien XVI., Klausgasse 32, en la komuna hejmo kun la T. V. „Die Naturfreunde“, iama „Ottakringer Arbeiterheim“.

Kursverspero ĉiulunde; grupverspero ĉiuvendrede; ambaŭ komenciĝas je la 18-a h. Gastoj ĉiam estas bonvenaj!

**Fervojista fakgrupo esperantista.** La membrostato provizore atingis 48 personojn. El la provinco aniĝis membroj el Linz, Klagenfurt, Salzburg, Innsbruck, Landeck, Horn, Groß-Gerungs kaj Tulln.

Komenca kurso: ĉiumarde de 16.30—18.00-a h.

Komenciĝo: 24. 9. 1946. Kurso por progresantoj: ĉiuvendrede de 16.30—18.000-a h. Komenĉigo: 27. 9. 1946. Ambaŭ kursoj okazas en la kursejo Wien X., Ghegaplatz 4, Stiege II, Tür 41 (lernejo de la fervoja direkcio).

Grupadreso: Josef Zink, Wien X., Endlichergasse 2—4, IV/II/17.

**E-fakgrupo de poŝt- kaj telegrafistoj.** La celo de la grupo estas, atingi internacian kontakton kun poŝt- kaj telegrafistaj esp-istoj ĉiulande por reciproka informado pri fakaj aferoj kaj eventuala feria restado de la grupanoj ĉe fakaj kolegoj.

Ni ripetas nian peton, ke ĉiuj aŭstraj poŝt- kaj telegrafistaj esp-istoj anoncu sian aliĝon al la fakgrupo. Adreso: J. Janeĉka, Wien XIX., Diemgasse 3, III/14.

## ESPERANTO EN RADIO WIEN

Depost la 20. 7. 1946 Radio Wien ĉiusabate dissendas je la 6.30-a—6.40-a h. matene (5.30—5.40-a h. MET) Esperanto-kurson, gvidatan de kortega konsilanto Hugo Steiner.

De 6.40—6.45-a h. matene (5.40—5.45-a h. MET) sekvas Esperanto-raportoj de la Esperanto-Servo de Aŭstria Esperantista Federacio. Ondolongoj: 506.8 m, 25.41 m kaj 48 m.

La eksterlandaj esp-istoi estas petataj, raporti, ĉu ili bone povas akcepti ĉi tiun dissendon, al AEF, Wien I., Neutorgasse 9.

# AEF-Landorganizo de Supra-Austrio

La 21. 7. 1946 okazis renkontiĝo de salzburgaj kaj supra-aŭstriaj geesp-istoj. Partoprenis ĉirkaŭ 120 personoj. Inter ili estis ges-anoj el Braunau, Ebensee, Gmunden, Landeck, Linz, Molln, Ofterding, Ried i. Innkreis, Salzburg kaj Wels. Hazarde povis partopreni ankaŭ 2 s-anoj el Wien kaj 1 s-ano el Ukraino.

Landestro Wannek salutis la ges-anojn kaj faris mallongan raporton pri sukceso ĉe lokaj gazetoj, instigis kolekti subskribojn por IEL. ktp. S-ano Cech el Wien parolis pri la aŭstra E-movado. S-ano Föttinger el Salzburg citis la malhelpaĵojn nuntempajn kaj alvokis la espistojn malnovajn al kunlaborado aktiva. Poste parolis ankoraŭ la s-anoj Hilkersberger el Landeck kaj Grausgruber el Gmunden al la kunvenintaro. Kvankam la vetero ne estis bela,la aranĝaĵo estis sukceso kaj kontentigis la partoprenantojn.

Por atingi angulon en la gazeto „Oberösterreichische Nachrichten", ni kolektis subskribojn kaj la redakcio deklaris sin preta,· ĉiam post du semajnoj aperigi artikolon pri Esperanto. La unua aperis la 4. 7. 1946. Ni ankaŭ sendis petskribojn al Radio-sendilo „Rot-Weiß-Rot" pri enkonduko de Esperanto en la programon kaj atendas la rezulton. La gazetoj „Neue Zeit" kaj „Tagblatt" almetos po 8000 da flugfolioj kun artikolo „Kial Esperanto?" La gazeto „Der Weltbürger", ekaperanta en aŭgusto, deklaris sin preta, publikigi favorajn artikolojn pri Esperanto.

La socialista partio de Supra-Aŭstrio dissendis al siaj referantoj por klerigo cirkulerojn pri Esperanto. Kaŭze de tio jam kelkaj lokaj organizoj de SP. petis ĉe ni informojn.

Ĝenerale oni povas konstati viglan agadon en la grupoj. Aŭtune ni aranĝos plurajn kursojn kaj ni petas la Centron, klopodi, ke ĝis tiam aperu bonaj instrulibroj. Karl Nigl.

## Unua austria Esperantista konkurso

La estraro de AEF alvokis en Junio n. j. la aŭstrian esperantistaron al unua konkurso, al konkurso de efikaj kaj belaj Esperanto-afiŝoj. Alvenis 27 skizoj, verkitaj de gesamideanoj el Malsupra-Aŭstrio, Stirio kaj Vieno.

Al ĉiuj sendintoj estas esprimata plej samideaneca danko pro ilia fervoro al la Esperanto-movado. La granda nombro de alsenditaj proponoj montras plej evidente, ke la aŭstria samideanaro komprenas la gravecon de Esperanto por nia popolo kaj hejmlando kaj la valoron de efika varb-afiŝo.

La proponoj montris plue, ke estis komprenata, ke Esperanto estas vera kultur-faktoro de la dudeka jarcento, helpilo por resanigi la el

mil vundoj sangantan mondon. Se ankaŭ la maniero de la desegno estis kelkfoje primitiva, simpla, tio tute ne estis malrespekto je tasko metita, ĝi estis nur signo de la nuna, ĉiel malfacila tempo en nia lando.

Estis tial ne facile por ni, la kvar anoj de la kontakta komitato de la „Aŭstria Esperantista Federacio" kaj de la „Asocio de amikoj de Esperanto", trovi el la granda nombro la 5 plej bonajn por premiado. La unuan ni konsentis al s-anino Stefanie H e s k y por la belkolora afiŝ-propono „Esperanto, la pordo en la mondon". La duan premion akiris s-ano S e e t h a l e r por sia skizo, montranta la verdstelumitan terglobon kun trafa teksto. La trian ni alĵuĝis al s-ano Z o t t e l, por skizo, kiu, kiel la du aliaj, kiujn li alsendis, pli taŭgus por efikaj varb-poŝtkartoj. La kvaran premion ricevis s-ano Johann K r a l por mondglob-bilda propono kun teksto „Esperanto por la tuta mondo" kaj fine la kvinan gajnis s-anino Adele J o n a s por Literafiŝo kun teksto tre energia. Al ili ni ankaŭ direktas niajn gratulojn.

Laŭde ni ankoraŭ mencias la laborojn de la gesamideanoj Ing. H o p f ,prof. C h r i s t b a u m, Elfriede D o r n - T e r s c h, kom. kons. A h l g r i m m, Johann J a v e r n i k kaj s-ano K u t s c h e r a. Ni volas esperi, ke ĉe alia konkursa okazaĵo ni povos premie rekompenci ilian diligentecon kaj fervoron, kaj ke tiam ankoraŭ pluraj gesamideanoj tian partoprenos.

Fine mi volas ankoraŭ mencii la kunjuĝantojn, kiuj dank' al sia sperto kaj fervoro ebligis plej konscian ekzamenon kaj juĝadon, estis s-anino Zajiczek, s-anoj kalk. kons. Frey, Hugo Kraus kaj R. Cech.

Rajmund Cech.

## NIAJ MORTINTOJ

D-ro Curt Hellmann, naskita 9. 4. 1895 en Vöklabruck, Supra-Aŭstrio, mezlerneja profesoro en Wien, laŭ informo de atestintaj personoj la 20. 11. 1944 estis arestita kaj transportita en la famaĉan koncentrejon Mauthausen, kie li mortis pro perforto.

Al la malnovaj esp-istoj vienaj la mortinto estas konata, estinte la lasta estro de iama „Viena akademia societo esperantista" antaŭ la unua mondmilito. Hellmann ankaŭ prezentis sin kiel verkanta pedagogo kaj filozofo. Estinte unu el la Esperanto-pioniroj en la akademianara rondo, Curt Hellmann daŭre pluvivos en la memoro de la esperantistoj vienaj.

E-grupo „Koloman Kalocsaj" funebras pri la tro frua morto de s-ano Alois Stoll, kiu estis sindonema homo, bonkora edzo kaj favora esp-isto. Pacon al lia cindro!

S-ano Rudolf Lang, Oberpullendorf, Burgenland, mortis en junio en la aĝo de nur 40 jaroj. Li estis fervora esp-isto kaj la nova E-movado en Burgenland perdis en li valoran forton.

# DIE SEITE DES LERNENDEN

Geleitet von Hans Aitzinger

Zum besseren Verständnis des Folgenden halte ich es für vorteilhaft, vorerst ganz kurz einiges über das Zeitwort und die Zeitbildung zu sagen.

Jedes Zeitwort (verbo) bezeichnet eine Tätigkeit oder einen Zustand. Es wird „Zeitwort" genannt, weil es durch seine Form ausdrücken kann, in welche Zeit eine Tätigkeit oder ein Zustand fallen. Im Lateinischen wird es als „Wort" (verbum) einfachhin bezeichnet, weil es als wichtigste Wortart gilt.

Ursprünglich gab es im Deutschen nur zwei Zeitformen: die Gegenwart und die Vergangenheit. Allmählich jedoch entstanden Zusammensetzungen, so daß wir heute sechs Zeitformen unterscheiden:

1. Die dauernde Gegenwart: ich schreibe.

2. Die vollendete Gegenwart (Vergangenheit): ich habe geschrieben, d. h. ich bin soeben mit dem Schreiben fertig geworden.

3. Die dauernde Vergangenheit (Mitvergangenheit): ich schrieb.

4. Die vollendete Vergangenheit (Vorvergangenheit): ich hatte geschrieben, d. h. ich war mit dem Schreiben zu Ende, als etwas anderes eintrat. Z. B.: Nachdem ich den Brief geschrieben hatte, legte ich die Feder weg.

5. Die dauernde Zukunft: ich werde schreiben.

6. Die vollendete Zukunst (Vorzukunft): ich werde geschrieben haben, d. h. ich werde mit dem Schreiben zu Ende sein, wenn etwas anderes eintritt. Z. B.: Wenn du morgen zu mir kommen wirst, werde ich den Brief fertig geschrieben haben.

Die Formen für die eintretende Handlung verlangen oft schwerfällige Umschreibungen: z. B. Ich bin — war — werde sein im Schreiben begriffen, im Begriff zu schreiben usw.

Nun, wie sehen die Zeitformen im Esperanto aus? Die einfachen Zeiten werden gebildet durch die Endungen —as, —is, —os.

Gegenwart (Estanteco): mi skribas leteron.

Vergangenheit (Estinteco): mi skribis leteron.

Zukunft (Estonteco): mi skribos leteron.

Im Esperanto ist es möglich, den Anfang, die Dauer und das Ende einer Handlung klar auszudrücken in den drei einfachen Zeiten:

**A. Gegenwart (Estanteco): mi skribas.**

1. Beginn der Tätigkeit: Heute sitze ich beim Schreibtisch und tauche die Feder in die Tinte, denn ich bin im Begriffe, einen Brief zu schreiben:

in diesem Augenblick

| (aktivo) | (pasivo) |
|---|---|
| Mi estas skribonta leteron. | La letero estas skribota de mi. |

2. Dauer der Tätigkeit: Nun schreibe ich Zeile für Zeile:

| (aktivo) | (pasivo) |
|---|---|
| Mi estas skribanta la leteron. | La letero estas skribata de mi. |

3. Ende der Tätigkeit: Der Brief ist zu Ende geschrieben; ich lege die Feder weg:

in diesem Augenblick:

| (aktivo) | (pasivo) |
| --- | --- |
| Mi estas skribinta la leteron. | La letero estas skribita de mi. |

**B. Vergangenheit (Estinteco): mi skribis.**

1. Beginn der Tätigkeit: Gestern saß ich beim Schreibtisch und tauchte die Feder in die Tinte, denn ich war im Begriff einen Brief zu schreiben:

in diesem Augenblick:

| (aktivo) | (pasivo) |
| --- | --- |
| Mi estis skribonta la leteron. | La letero estis skribota de mi. |

2. Dauer der Tätigkeit: Nun schrieb ich Zeile für Zeile:

| (aktivo) | (pasivo) |
| --- | --- |
| Mi estis skribanta la leteron. | La letero estis skribata de mi. |

3. Ende der Tätigkeit: Der Brief war zu Ende geschrieben; ich lege die Feder weg:

in diesem Augenblick:

| (aktivo) | (pasivo) |
| --- | --- |
| Mi estis skribinta la leteron. | La letero estis skribita de mi. |

**C. Zukunft (Estonteco): mi skribos.**

1. Beginn der Tätigkeit: Morgen werde ich beim Schreibtisch sitzen und die Feder in die Tinte tauchen, denn ich werde im Begriff sein, einen Brief zu schreiben:

in diesem Augenblick:

| (aktivo) | (pasivo) |
| --- | --- |
| Mi estos skribonta la leteron. | La letero estos skribota de mi. |

2. Dauer der Tätigkeit: Nun werde ich Zeile für Zeile schreiben:

| (aktivo) | (pasivo) |
| --- | --- |
| Mi estos skribanta la leteron. | La letero estos skribata de mi. |

3. Ende der Tätigkeit: Der Brief wird zu Ende geschrieben sein; ich werde die Feder weglegen:

in diesem Augenblick:

| (aktivo) | (pasivo) |
| --- | --- |
| Mi estos skribinta la leteron. | La letero estos skribita de mi. |

Man vermeide die Anwendung des Mittelwortes (participo), wenn man nur die Zeit der Handlung ausdrücken will. Z. B.: Antaŭ kelkaj tagoj mi skribis leteron al mia amiko kaj petis lin, min viziti. Li ĝis nun ne venis. Mi skribos denove.

Atentu jenajn frazojn: La lernanto sidanta skribas.
**La lernanto skribas sidante.**

Mi legas libron enhavantan belan historion.

Mi ĝojas pri la libro aperonta.

La tempo pasinta neniam revenos.

## Austria Esperanto-Instituto

### Nova kurso por kursgvidantoj

AEI denove donas al estontaj E-instruistoj la eblon, fari ekzamenon kaj aranĝas preparkurson ĉiulunde de 17—19 h en la ĉeflernejo Wien I., Renngasse 20, 2-a etaĝo. Komenco: Lundo, 30. 9. 1946 je la 17 a h. Kurspago pomonate ŝ. 5.—. Skriba anonco necesas kiel eble plej baldaŭ al la Instituto, Wien I., Neutorgasse 9.

**Ne restu eterna komencanto, sed fariĝu vera esperantisto!**

## *INTERNACIO ESPERANTO-MOVADO*

### IEL kaj UEA

Kunveno okazis en Bern la 21.—22. 7. 1946 inter reprezentantoj de IEL kaj UEA por interkonsenti pri kunfandiĝo de la du organizoj kaj ĉesigi la duecon en la Esperanto-movado.

Post du tagoj de tre amika diskuto oni trovis favoran bazon nun submetotan al la du komitatoj. La trovita interkonsento respondos al la celoj de la du partoj de la movado kaj certe ĝojigos la tutan Esperantistaron.

Partoprenis: C. C. Goldsmith, Hans Jakob, Hans Kürsteiner, G. Rotach. Prezidis: Prof. Edmond Privat.

Noto de la red.: AEF ĝoje salutas ĉi tiun komunikon kaj profetas kaŭze de tiu kunfandiĝo inter ambaŭ organizoj egan prosperon de la E-movado internacia, al kiu ĝi poste ĉiuforte partoprenos.

### Delegito de IEL por Aŭstrio

Ni ricevis de IEL jenan informon:

Nun, ĉar la sendo de presaĵoj al via lando estas ebla, ni povas denove akcepti membrojn el Aŭstrio. La kotizoj por la nuna jaro estas: Membro kun jarlibro (du partoj) ŝil. 8.—; membro kun jarlibro kaj gazeto de julio ĝis decembro ŝil. 14.—. Tiujn pagojn oni povas fari al s-ro Hans Scheller, Schlüsselhofgasse 25, Steyr, O.-Ö., kiu provizore agas por ni. Post la kunfandiĝo kun UEA ni ion aranĝos pri ĉefdelegito. Espereble tiam ankaŭ AEF konsentos, aliĝi al la nova mondorganizo .

**Esperanto-movado en Germanio**

Ni ricevis liston de germanaj esperantistoj, agantaj por revivigi la E-movadon en Germanio. En aferoj Esperantaj oni povas turni sin al jenaj personoj:

S-ro Hotz Jakob, Mannheim, Ackerstraße 31.
S-ro Puff Ludwig, Frankfurt-Praunheim, Olbrichstraße 99.
S-ro Falkenherr H., Dortmund-Hembruch, Egertstraße 56.
S-ro Wagner H., Stuttgart, Im Himmelsberg 10.
S-ro Mathes Julius, Freiburg i. Br., Sternwaldstraße 5.
S-ro Marienfeld Wilhelm, Hannover, Brockhusenstraße 45.
S-ro Stein Franz, Wiesbaden, Westendstraße 30.
S-ro Körber Fritz, Göttingen, Nikolaus Bergerweg 67.
S-ro d-ro Ziegler Siegfried, München, Postfach 47.
S-ro Harasin Heinrich, Mainz, Mozartstraße 6.

**Esperanto ekfloras en Germanlando**

Depeŝo per UP, el Frankfurt, 7an de aprilo, informis: „Esperantistoj kunvenis ĉi tie hodiaŭ por apelacii al la aliancaj registraroj, ke ili enkonduku Esperanton en la lerejojn de Germanujo.

El München alvenis raporto per M. Lippert: „. . . mi observas la Esperanto-movadon en la Usona-Zono, kiu estas denove permesata depost 17-a de sept. 1945. Ĝi ekfloris kaj bonege kreskas. En Munĥeno estas 15 kursoj kun 300 personoj, kaj la grupo „Laboro" havas pli ol 500 membrojn. La plej granda sukceso estas enkonduko de Esperanto en la Universitaton de Munĥeno. Ankaŭ la Popol-altlernejo kaj aliaj publikaj lernejoj akceptis Esperanton."

**La Japana Esperanto-movado vivas**

Pere de „Amerika Esperantisto" la japanaj samideanoj salutas en la unua tago de la nova epoko la transmarajn kolegojn.

Kun plezuro ni eksciis, ke la Japana Esperanto-Instituto, ĉefa organizo Esperantista en Japanujo, bone travivis la militon kaj ke ĝi organizis la 32an Japanan Esperanto-Kongreson en Tokio la 16an de decembro 1945. „Amerika Esp-isto" jam ricevis tri numerojn de la reaperanta gazeto „La Revuo Orienta" kun interesa enhavo. La Decembra nro. eĉ publikigis anglalingvan tradukon de artikolo „Neceso kaj eblo de lingvo internacia" eltirita el la konata Unuel-broŝuro de D-ro Zamenhof. Presita kun paralela teksto en Esperanto, la artikolo estis uzata por propagando inter usonaj soldatoj en Japanujo.

(El „Amerika Esperantisto".)

**Esperantista Interhelpo de UEA**

Germanajn Esperanto-gramatikojn kaj alian instrumaterialon danke akceptas UEA por malnovaj esp-istoj kaj iamaj kunlaborantoj en Germanio, kiuj serĉas novan kontakton kun la devige forlasita Esperanto-movado. Adreso: UEA. Palais Wilson, Genève, Svislando .

**„HEROLDO DE ESPERANTO" reaperas**

Laŭ informo el „Flandra Esperantisto", VII/1946, la vaste konata kaj ŝatata E-ĵurnalo „Heroldo de Esperanto" denove aperas post sesjara interrompo. Estas ĝojige, ke la E-movado ĉie en la mondo ree leviĝas el la letargio devigita pro la milito.

**Esperanto-dissendoj de la Radio-stacio Mor.-Ostrava**

Ĉeĥoslovaka Radio-stacio en Mor.-Ostrava dissendas regule ĉiumarde kaj ĉiuvendrede Esperanto-programon je la 22.50 horo laŭ somera MET, ondolongo 325 m. t. e. 922 kilocikloj. Ĉe eventuala prokrastiĝo oni atendu kelkajn minutojn.

Informu, ĉu la dissendojn vi bone aŭdas kaj ĉu ili plaĉas al vi: Radio-stacio Mor.-Ostrava, Bráfova 5, ČSR.

**ČSR. bone aŭdas Vienon**

AEF ricevis poŝtkarton kun jena sciigo:

„. . . akceptu sinceran gratulon de Esperanto-heroldo de ĉeĥoslovaka Radio-stacio M.-Ostrava. Mi aŭdis vian elsendon sabate, la 27-an de Julio je la sesa horo tridek minutoj MET somera. La aŭdebleco estis tre bona, nur kelkfoje okazis kraketoj. Mateno estas tre taŭga por tiu celo . . ." Zdeněk Raška, Klimkovice, ČSR.

## NI RECENZAS

(Librojn duoble ricevitajn ni recenzas, unuoble ricevitajn ni mencias.)

**„Aŭroro“**, organa de SETA (Socialista, Esperantista Tutmonda Asocio), Vizovice, Ĉeĥoslovakio.

Gazeto, spiranta fortan entuziasmon, kies lingva kaj stila niveloj supozeble ankoraŭ evoluos. Esperinde estas, ke la redaktantoj baldaŭ konsciiĝos pri la nepardonebleco de la svarme uzataj neologismoj! Estas grava danĝero, ludi kun novaj vortoj: Apenaŭ la Babilona Turo ekmalkonstruiĝas — jen la samaj uloj rekonstruas ĝin denove!

**Ohé! Tous,** Journal des Compagnons de la Bastide de Beau Soucy, Fontenay les Bris (S. et O.), Franclando.

Franclingva, unupaĝa gazeto por infanoj, aperigas Esperantan angulon. Ekzemplo multimitinda!

Unu el la lastaj eminentaj psikologiaj traktaĵoj, aperintaj germanlingve en Vieno, **„Der Weltfriede als psychologisches Problem“** de Hans Thirring ĵus prezentiĝis al la literaturema esp-istaro en formo de modela traduko de prof. d-ro Sirk.

**„La Mondopaco kiel psikologia problemo“** evidentigas la psikologiajn faktorojn, kiuj esence kuntribuas al militiĝo. La tradukinto precizigas sur lasta paĝo kelkajn terminojn, kiujn li uzis, por garantii la bonkompreneblecon de la sufiĉe serioza materio.

Broŝuro 36-paĝa, formato $14\frac{1}{2} \times 19\frac{1}{2}$ cm; eldonejo „Tramondo“, Vieno I; prezo ŝ. 2.—.

**La Vivo de l'Eskimoj** de prof. Agostinho da Silva, broŝ. 26-paĝa kun pluraj fotoj, formato $12 \times 19$ cm, eldono de Portugala Eldona Rondo, Monte da Lapa, 49-I, Porto (Portugalio). La libreto priskribas en bona lingvo kaj en interesa maniero la same primitivan kiel malabundan vivon de l'Eskimoj, kiuj iom post iom, influate de la Kanada, Usona kaj Dana registraroj, al kiuj apartenas Grenlando, estas transkondukataj al pli facila, civilizita ekzistado.

Portugala Eldona Rondo pretigis por baldaŭa aperigo diversajn librojn, inter ili „Vivo de Zola“ (2 sv. fr.), „Mallonga Studo pri Sociologio“ kaj serion da verketoj, titolitan „Enkonduko en la Kulturon“. La libretoj, se oni konkludas el la menciita verketo pri la vivo de l'Eskimoj, estas certe rekomendindaj kaj la eldona agado de P. E. R. evidente meritas niajn atenton kaj aplaŭdon. Hugo Kraus.

# Verbandsmitteilungen

## NEUE ESPERANTOKURSE IN WIEN.

(Bis jetzt eingelangte Meldungen)

**E-Gruppe „Harmonio".** Anfängerkurs jeden Donnerstag von 18.30 bis 20.00, ab 5. 9. 1946. — Kurs für Fortgeschrittene jeden Freitag von 18.30 bis 20.00, ab 13. 9. 1946. Leiter: Direktor Franz Menacher. Kurslokal: Wien XV., Markgraf Rüdigerstraße 4.

**E-Gruppe „Verda Stelo".** 1. Anfängerkurs jeden Dienstag von 18.30 bis 20.30, ab 17. 9. 1946. Leiter: Max Finkenzeller. — 2. Anfängerkurs jeden Freitag von 18.30 bis 20.30, ab 20. 9. 1946. Leiter: Rudolf Bouché. Kurslokal: Hauptschule, Wien V., Bachergasse 24, I/45.

**E-Gruppe „Koloman Kalocszay.** Anfängerkurs jeden Montag von 18.00 bis 20.00, ab 23. 9. 1946. Leiter: Hugo Kraus. Kurslokal: Volksschule, IX., Galileigasse 8.

**E-Gruppe „Vereco".** Anfängerkurs jeden Mittwoch um 18.00 Uhr, ab 18. 9. 1946. Kurslokal: Heim der KPÖ., XII., Singrienergasse.

**E-Gruppe „Libereco".** Anfängerkurs jeden Dienstag von 18.30—20.30, ab 17. 9. 1946. Kurs für Fortgeschrittene jeden Donnerstag von 18.30 bis 20.30, ab 19. 9. 1946. Kurslokal: Schule, Fockgasse 20, III/263. Auskünfte jeden Frieitag in der Gruppe: XII., Gaudenzdorfer Gürtel 11, Stg. 2, von 18 bis 20.

**E-Gruppe „Konkordo".** Anfängerkurs jeden Donnerstag um 18.30, ab 19. 9. 1946. Kurslokal: X., Wielandgasse 16.

**E-Gruppe „Vindobona".** Im Herbst wird die Gruppe einen Anfängerkurs veranstalten, doch wird der Beginn erst festgesetzt werden. Anmeldungen und Auskünfte jeden Donnerstag ab 19 Uhr im Gruppenlokal, XIII., Hietzinger Hauptstraße 73 (Villen-Café) oder schriftlich an Postamt Wien 89, Postfach.

**E-Gruppe der Post- und Telegraphenangestellen.** Bei genügend großer Anmeldung wird im Oktober ein Kurs für Anfänger, eventuell auch für Fortgeschrittene veranstaltet werden. Anmeldungen sind zu richten an: J. Janecka, XIX., Diemgasse 3, III/14.

**E-Gruppe „Nia vojo".** Anfängerkurs ab 14. 10. 1946 jeden Montag von 18.30—20.30. Kurs für Fortgeschrittene ab 11. 10. 1946 jeden Freitag von 18 bis 20.30. Kurslokal: XVI., Klausgasse 32 (ehem. Arbeiterheim).

**E-Gruppe „Supren".** Anfängerkurs a b19. 9. 1946 jeden Donnerstag von 18.30— 20.00. Kurslokal: III., Blattgasse 4. Gruppe: jeden Donnerstag 17—19, Kaffee „Nordkap", III., Landstraße Hauptstraße 8.

### Esperanto an der Hochschule für Welthandel

Das Rektorat der genannten Hochschule hat für das Sudienjahr 1946/47 folgende Vorlesungen für Esperanto genehmigt:

Jeden Dienstag von 18—19 Esperantokurs I; von 19—20 Esperanto-Handelskorrespondenz. — Jeden Freitag von 18—19 Esperantokurs II; von 19—20 Esperanto-Handelskorrespondenz.

Sämtliche Vorlesungen finden im Hörsaal 8 der Hochschule, Wien XIX., Franz Kleingasse 1, statt. Beginn: 7. 10. 1946. Dozent: S-ano Josef Geißler.

### Vorstandssitzungen

Die Vorstandssitzungen der AEF. finden regelmäßig jeden 4. Mittwoch des betreffenden Monats, um 18 Uhr, in der Zentrale, Wien I., Neutorg. 9, statt.

Vorstandsmitglieder aus den Bundesländern, welche die Möglichkeit haben, fallweise an den Sitzungen

teilzunehmen, werden gebeten, diese Einteilung zu beachten, so daß sie ohne besondere Einladung zu diesen Sitzungen kommen können.

**Esperanto in der Werksbücherei der Steyrwerke**

Nach einer erhaltenen Mitteilung ist die Werksbücherei der weltbekannten Steyrwerke bereit, jede Literatur über Esperanto in ihren Bücherbestand aufzunehmen. Diese Bücherei umfaßt trotz einer beinahe 50%igen Zerstörung noch immer rund 9000 wertvolle Bände und findet seitens der Werksdirektion und des Betriebsrates jede nur mögliche Unterstützung.

Wir freuen uns aufrichtig über diese Nachricht und knüpfen daran die Hoffnung, daß diese Werksbücherei dazu beitragen wird, Esperanto auch unter der tüchtigen und wißbegierigen Arbeiter- und Angestelltenschaft der Steyrwerke zu verbreiten und damit ein weites Tor in die Welt zum schriftlichen Verkehr mit Berufskollegen zu öffnen.

**Auch Hohenberg meldet sich wieder**

Von unserem lieben alten Freund Jakob Zmrzly erhalten wir die erfreuliche Nachricht, daß er es für möglich hält, auch in Hohenberg wieder das Interesse für Esperanto zu wecken. Obwohl noch manche Schwierigkeiten zu überwinden sind, wird die Möglichkeit bestehen, im Herbst einen E-Kurs zu veranstalten.

Bravo, Hohenberger! Wir haben euch no chin guter Erinnerung aus der Zeit von 1936—1938 und sind dessen gewiß, daß Freund Zmrzly und seine Mitarbeiter in absehbarer Zeit die Gründung einer neuen AEF-Gruppe melden werden. Adresse: Hohenberg 155, N.-Ö.

**Auslandskorrespondenz**

Unsere Mitglieder finden in dieser Nummer der Revuo eine große Anzahl von Adressen von Esperantisten aus den Niederlanden, die mit österreichischen Esperantisten in Briefwechsel treten wollen. Ihre Zuschriften an den Verband zeigen, wie sehr Österreich und seine Bevölkerung bei den Holländern noch in guter Erinnerung leben. Wir ersuchen daher die Gruppenleitungen, bei den Gruppenzusammenkünften die Mitglieder auf die Wichtigkeit der Korrespondenz mit unseren ausländischen Esperantofreunden hinzuweisen. Schreibt wenigstens einmal an unsere niederländischen Freunde, wenn ihr schon einen Korrespondenten habt, und dankt ihnen sür das Interesse, das sie an Österreich nehmen! Dieser Dank gilt besonders den vielen Arbeiteresperantisten in Holland.

**Druckfehler**

Leider müssen wir feststellen, daß in jeder Nummer unseres Verbandsorganes sich immer wieder unliebsame Druckfehler einschleichen. Obwohl die Probedrucke stets aufmerksam durchgelesen und korrigiert werden, läßt es sich vorläufig leider nicht vermeiden, daß trotzdem Fehler aufscheinen, weil die Schriftsetzer nicht Esperanto verstehen und daher leicht einen Buchstaben in der Korrektur übersehen oder unrichtig auffassen, wodurch mitunter sinnstörende Fehler entstehen. Wir sind jedoch bemüht diese Mängel zu beseitigen und bitten die Leser um gebührende Nachsicht.

**„Der österreichische Esperantist"**

nennt sich das Organ der „Österreichischen Gesellschaft der Freunde des Esperanto", welches im Juli d. J. erstmalig erschien. In Großformat, 10 Seiten stark, auf gutem Papier gedruckt, bietet der Inhalt der Zeitung in Deutsch und Esperanto einen guten Überblick über die Ziele der Vereinigung und bringt die Liste einer großen Zahl von prominenten Persönlichkeiten, an der Spitze Bundeskanzler Ing. L. Figl, welche das Ehrenpräsidium und den Ehrenausschuß bilden. Das Organ erscheint viermal jährlich und wird an die Mitglieder der Gesellschaft kostenlos abgegeben.

Wir wünschen, „Der österreichische Esperantist“ möge der Gesellschaft viele Mitglieder und dem Esperanto viele Freunde gewinnen, und wir werden uns freuen, wenn durch sein Wirken auch der österreichischen Esperantogesamtbewegung neue Kräfte zufließen werden. In diesem Sinne anerkennt AEF gerne in Übereinstimmung beider Ziele die Zeitschrift der Freunde des Esperanto als wertvolle Werbeschrift für Esperanto und hofft auf ein gedeihliches Nebeneinanderarbeiten mit der „Austria Esperanto-Revuo“.

### Naturfreunde — lernt und korrespondiert in Esperanto!

Eine sehr schöne Zeitschrift des T. V. „Die Naturfreunde“ ist „Der Naturfreund“. In ihr erscheint seit 1945 regelmäßig eine Esperantoecke. Das ist für uns eine gute und schöne Sache. Esperantisten! Naturfreunde! Regt eure Freunde und Wanderkameraden an, daß auch sie Esperanto lernen und mit den Naturfreunden in der ganzen Welt korrespondieren! Auf diese Weise dient ihr der Idee einer internationalen Sprache, der Organisation der „Naturfreunde“ und der Völkerverständigung. Arbeitet mit und sendet interessante Artikel an den Zentralausschuß des T. V. „Die Naturfreunde“ in Zürich. Postfach Sihlpost 365, Schweiz. Schreibt dorthin auch euren Dank (in Deutsch) für die Einführung der Esperantoecke im Verbandsorgan.

Walter Kobolt, Rheineck.

### Propagandamaterial

In den Zuschriften verschiedener Gruppen wird nicht nur mehr, sondern auch unterschiedliches Propagandamaterial verlangt. So gerne die Zentrale diese Wünsche, allein im Verbandsinteresse, erfüllen würde, so werden hier durch die Papierknappheit Grenzen gezogen. Da Papier ein wichtiger Kompensationsartikel für das Ausland ist, erhalten die inländischen Verbraucher nur eine äußerst knappe Zuteilung. Daher kann die Zentrale Werbematerial, wie Plakate, Flugblätter usw. nur im Rahmen der Papierzuteilung herstellen lassen, und wir ersuchen deshalb die Gruppen, dies bei ihren Wünschen und Beschwerden berücksichtigen zu wollen.

### Mitglieder schreiben uns

Samstag früh hörte ich zufällig im Radio Ihre erste einleitende Sendung in Esperanto, und ich freute mich aufrichtig über sie. Das Bedürfnis nach einer Weltsprache ist heute, im Zeitalter der UNO und der Atombombe, stärker als je zuvor. Darüber ist gar kein Zweifel, nur haben leider manche maßgebende und einflußreiche Persönlichkeiten noch immer nicht die Überzeugung gewonnen, daß diese so oft und schmerzlich empfundene Lücke im internationalen Verkehr nur mit unserem bewährten Esperanto zu schließen ist.

So erschien z. B. im „Kurier“ Nr. 87 am 12. 4. 1946 ein Artikel unter der Überschrift „Englisch oder Französisch als Weltsprache?“ nach welchem Mrs. Eleanor Roosevelt erklärte, daß Diplomaten und die zu den Sitzungen der Vereinten Nationen entsandten Vertreter die Notwendigkeit einer allgemeinen Weltsprache empfinden, aber unter ausdrücklicher Ablehnung einer künstlichen Sprache (wie Esperanto) das Englische oder Französische ernstlich in Betracht ziehen.

Da ich kein Diplomat bin, geriet ich ob dieser Zeitungsnotiz in ehrliche Wut und schrieb dem „Kurier“ sofort meine Gegenmeinung als alter Esperantist. Hätten das nur viele getan und vor allem der Verband als offizielle Stelle! So hatte ich nur den bescheidenen Erfolg, daß mir versichert wurde, meine Zeilen hätten „außerordentlich interessiert“. Eine Veröffentlichung meiner Zuschrift aber hätte unserer Sache mehr gedient, sie ist jedoch leider unterblieben. Hoffentlich bringt die Unterschriftensammlung der IEL den ersehnten Erfolg. Ich hoffe, daß Sie bereits im Besitze der von mir eingesandten 20 Stück sind . . .

Robert Monetti (Baden bei Wien).

F-ino P. J. Visser, Vermeerstr. 10, Amersfoort, 23 j. piedzorgantistino, L pri muziko kaj ĉ. temoj, ne sporto.
S-rino G. Visser-Uitslager, Vermeerstr. 10, Amersfoort, L pri ĉ. temoj escepte politikon.
S-ro Th. Waardenburg, Ceramplein 82/I, Amsterdam (O), L pri ĉ. temoj kun k-do.
S-ro D. van Dijk, Lanseloetstr. 14/I, Amsterdam (W 2), 47 j. instruisto, kor. kun koleg(in)o aŭ s-an(in)o.
S-ro C. Huurman, Huotrijkstr. 166 H, Amsterdam, 4 0j. ferlaboristo, L pri div. temoj.
S-ro A. R. H. Elenga, Abolenpad 14, Amsterdam (C), 46 j. librotenist, kor. pri div. temoj.
S-ro J. de Lange, Bilderdijkstr. 110/II, Amsterdam (W), kontoristo, kor. pri ĉ. temoj ankaŭ kun komencantoj.
S-ro C. J. Prins, Otterspad 38, Zaandam, 41 j. stukisto kor. kun esp-ist(in)o pri ĉ. temoj.
S-ro H. Ch. J. v. Chulik, Tulpstraat 16, Zwolle, 52 j. fervojisto, L kun fervoj. prefere lokomotivmaŝinisto.
S-ro C. A. Schoenmakers, Laurierstr. 108, Hago, tramisto, kor. kun s-ano prefere tramisto.
S-ro L. v. Eijsden, Viottakade 87, Dordrecht, 48 j. kontoristo, L pri div. temoj kaj PM.
S-ro H. A. J. Alens, Frans-Halsstraat 26 A, Zwolle, 30 j. pianoagordisto, L pri ĉ. temoj.
S-ro A. Hermsen, Gladiolenstr. 29, Zwolle, 43 j. fervoja maŝinisto, L pri div. temoj.

**Aŭstralio.** S-ro Edward Courthope, 87 King George Street, SOUTH PERTH, Western Australia, L pri ĉ. temoj.




Eigentümer und Herausgeber: Österreichischer Esperantisten-Verband. Verlag: Tramondo. Verantwortlicher Redakteur: Alfred Berdan, sämtlich Wien I., Neutorgasse 9. Druck: Holzwarth & Berger, Wien I., Börseplatz 6.